VIa jaro. — No 72 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 20 Februaro 1910

# ESPERANTO

**OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

**ABONO**

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *10, rue de la Bourse,* **GENÈVE (Svisujo).**



## Dum la lasta duonmonato

La programo de la Kongreso de U. E. A. en Augsburg, jus estis fiksata (vid. paĝ. 3a).

La Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio (T. E. K. A.) havos sian kongreson en Augsburg, tuj post la kongreso de U. E. A.

Esperanto disvastiĝas en Italujo. La unua kongreso de la italaj esperantistoj okazos en Firenze, la 21-23 marto 1910.

### ESPERANTIAJ DEMANDOJ

## Por Esperantiaj Entreprenoj

De la varbado de la Esperantiaj entreprenoj, de ilia multeco kaj diverseco dependas grandaparte la uzado de la servoj de U. E. A. kaj la prospereco de nia Asocio. Oni povas konstati, ke ĝis nun la plej multaj el niaj Esperantiaj entreprenoj, krom kelkaj esceptoj, estas ĉefe Esperantistaj entreprenoj, t. e. ili estas aŭ institucioj kaj negocejoj kun pure poresperanta celo, aŭ komercaj firmoj, kies mastroj estas Esperantistoj. La unua nia tasko, nome partoprenigi en U. E. A. ĉiujn Esperantistajn firmojn kaj instituciojn estas nun plenumita. Venis nun la tempo enirigi en nian Asocion entreprenojn, kiuj ĝis nun interesiĝis nek al ĝi, nek al Esperanto.

Por atingi tiun celon estis ĝis nun malhelpo kiu kuŝas en la fakto ke tre malmultaj firmoj aŭ komercaj institucioj konsentos lernigi Esperanton al unu el siaj komizoj aŭ sekretarioj por uzi la servojn de U. E. A., ĉar tiu lernado postulas tempoperdon, pri kiu ili ne estas certaj, ke ili ĝin alimaniere kompensos. Se ni do volas sukcesi en tiu rilato, estas necese ke nuntempe tiuj firmoj povu uzi niajn servojn sen la bezono de Esperanto, sed nur dank'al la pereco de U. E. A. Tiu postulo estas plenumebla per la komercaj konsuloj; kiuj kiel ĉiuj konsuloj estas ankaŭ tradukantoj por sia fako. Uzi la servojn de U. E. A. sen ĝia lingvo estas facile realigebla : supozu ekzemple ke komerca firmo de Kopenhago, ĉe kiu neniu scias Esperanton, deziras ricevi komercan informon el Sofio. Ĝi sendos sian informpeton nacilingve redaktitan al la Delegito de Kopenhago, kiu per la konsulo tradukos ĝin Esperanten kaj sendos al la Delegito de Sofio, kiu same respondos Esperante al la Delegito de Kopenhago, tradukonta la respondon nacilingven por la petinta firmo. Jen estas la esenco de la procedo, sed por ĝin faciligi, U. E. A. eldonos pretajn demand- kaj respondfoliojn kaj pretajn formularojn por la informpetoj. Tiuj diversaj dokumentoj estos redaktataj nacilingve. La pretaj demandfolioj estos redaktataj tiel ke la petanto skribu sian demandon sur unu flanko kaj, ĝuste kontraŭe la konsulo tradukanto la Esperantan tekston. Tiamaniere ĉiu Esperantia entrepreno, eĉ se neniu ĉe ili scias Esperanton, povos tamen facile uzi la servojn de nia Asocio kaj spertiĝi, ĉu ili estas taŭgaj aŭ ne. Memkompreneble, ĉiu sentos, ke, se firmo ofte bezonas niajn servojn kaj konvinkiĝis, ke ili estas utilaj, ĝi ja ĉesos uzi la perecon de tradukanto, kaj lernigos Esperanton al unu el siaj komizoj, sed tio okazos post uzado de niaj servoj, ne antaŭe.

El la sama vidpunkto, U. E. A., por konigi precize siajn servojn, devos eldoni nacilingvajn cirkulerojn, kiujn la komercaj konsuloj mem prezentos al tiuj firmoj de sia regiono, kiuj havas aŭ intencas havi internaciajn rilatojn.

Kompreneble, ĉar la eldonado de tiaj diverslingvaj dokumentoj, pro la multeco de la lingvoj, estas kosta, kompare kun ĝiaj monrimedoj, U. E. A. komencos nur per la plej gravaj naciaj lingvoj. Laŭ la rezultatoj atingitaj la eldonado estos iom post iom farata en multaj lingvoj.

Aliparte, por fiksi precize la manieron uzi niajn servojn, tiel ke ĉiu Delegito kaj Entrepreno sciu siajn rajtojn kaj devojn, estis ellaborita projekto de regularo pri informpetoj, bazita laŭ propono de S-ro Cazeaux, subfakestro de U. E. A., kiu ankaŭ prezentis projekton pri komercaj reprezentantoj nun esploratan de la komitato de U. E. A. kaj de la lastatempe formita komerca komisiono.

Jen estas la direkto, laŭ kiu laboros U. E. A. por plimultigi la nombron de la Esperantiaj entreprenoj. Sed por ke tiuj projektoj liveru bonan rezultaton, estas necese, ke ĉiuj niaj kunlaborantoj penetriĝu je tiu ideo, ke oni devas varbi Entreprenojn al U. E. A., tute ne al Esperanto. Tre multaj komercaj firmoj aliĝus al nia Asocio kaj de nun uzus ĝiajn servojn, se ili scius, ke tio estas jam nuntempe farebla, sen la bezono lerni novan lingvon. Tiuj samaj firmoj tute ne interesiĝas al Esperanto nek al la internacilingva problemo, kiuj por ili estas demandoj ekster ilia kampo. Oni ĉiam prezentu U. E. A. nur kiel internacian organizajon, kiu celas plifaciligi la materialajn kaj moralajn rilatojn inter diversnaciaj homoj, neniel kiel asocion por propagandi Esperanton en la praktikajn rondojn, kiel erare diras multaj. Tiu organizajo interne uzas unu lingvon Esperanto same kiel unu monsistemon, sed tio ne koncernas la Esperantiajn entreprenojn, ne pli ol abonantoj de la telefono bezonas scii ĝuste kiel estas konstruata kaj funkcias la telefonilo; sufiĉas ke ili sciu ĝin uzi en okazo de bezono. Tio sama okazas kun U. E. A.; Esperanto kiel lingvo nur gajnos el tio.

H. HODLER.

## SOCIA VIVO

### GEOGRAFIO

**Washington, D. C., la loko de la Sesa**

Kredante ke estas interesa por la legantaro de « Esperanto » kaj la esperantistaro ĝenerale, mi tre volonte plenumas la peton priskribi la kongresurbon de la Sesa. Washington, D. C. estas la ĉefurbo de la Unuigitaj ŝtatoj (Usono). Krom la ĉefurbo Washington ekzistas en Usono dudekdu urboj samnomaj, tial estas necese, aldoni ĉiuokaze la nomon de la ŝtato. la ĉefurbo estas en la Distrikto Columbia (= D. C.). Pro sia pentrinda loko kaj riĉeco je historiaj memoraĵoj ĝi apartenas al la plej belaj urboj en tiu ĉi lando kaj, eble, en la tuta mondo. Estante la sidejo de la tutlanda administracio, ĝi estas la fokuso de la usona vivo kaj koro, de la impostiome grandiĝanta usona nacio. Intermeze de la pentrinda ĉirkaŭaĵo tiu ĉi urbo posedas multe da valoraj superaĵoj, kaj por tio estas la plej taŭga loko por la Sesa. Tie ĉi preterfluas la majesta Potomac (elparola : Potomak) laŭlonge kies malaltaj bordoj estas, maldekstre, la ŝtato Virginia kaj dekstre, la ŝtato Maryland. Ĉirkaŭ cent dudek mejloj (250 kilometroj) de tie ĉi la bela Potomac elfluas en la Atlantikan oceanon.

La urbo enhavas preskaŭ 300.000 loĝantoj, okdek mil (80.000) el ili estas negruloj. Se tiu ĉi lasta cirkonstanco ne ekzistus, Washington pro sia senegala beleco estus la vera paradizo.

Unu el la plej pitoreske lokitaj vidindaĵoj estas la kapitolo. Laŭ leĝdono de la kongreso, julio 9a 1790, fariĝis la Distrikto Columbia kiel sidejo de la tutusona ĉefurbo. La fundamenta ŝtono estis metita, de George Washington, sept. 18a 1793.

Dum la milito de 1812-1814 la malamikoj ĉirkaŭis kaj sukcese eniris la urbon, la soldatoj perforte kaptoprenis la tiaman Kapitolon, mokeleĝdonis en fikunsido kaj post tio forbruligis la tutan konstruaĵon. Post restariĝo de la paco dum la sekvinta jaro, la Usona kongreso voĉdonis la necesajn sumojn por restarigo de la vastaj haloj kies muroj nur vidiĝis. En la daŭro de preskaŭ centjaro la tuta konstruaĵo multe plibeliĝis kaj pligrandiĝis tiugrade ke nuntempe estas konata kaj nomata sub la nomo « la domo de libereco », kies ekstera simpleco kaj interna heleco unuavide signas ke ĝi estas konstruita por la eterno.

B. F. Schubert (Washington, D. C.).

**Ĉe l'Araguaja kaj la Brazilaj sovaĝaj regionoj**

Rapide glitas la boato sur la glataj ondoj de l'larĝa rivero, energie puŝata de du remistoj *Karaĵa*, kies ŝvitantaj muskoloj ŝajnas fanditaj el bronzo « Barbedienne ». Iliaj longaj haroj ligataj kiel ĥinanaj vostoj ritme batas sur la ŝultroj. Kaj ili kantas strangan melodion kiu finiĝas subite per naza muĝo, simila al bato de kupro. La direktilisto, atente rigardas la ŝtonojn al kiuj ni alproksimiĝas, kaj kie ŝaŭmas la akvo furioza. Du maldikaj bastonetoj el polurita ligno trabaras liajn orelojn, rondeto el osto ŝtopas truon de l'malsupera lipo; sub la okuloj li havas la distingan tatuaĵon de la Karaja gento : du rondoj profunde gravuritaj kaj nigre pentritaj per la suko de *Genipa*. Jen sur la bordo, aliaj samgentanoj salutas nin : « Taiŝè ! » Ni respondas : « Lerari ! » kiel ordonas la ĝentileco. La virinoj estas ĉe l'bordo de la rivero, miksante argilon kaj farante grandajn potojn kun lerteco de tornisto. Knabeto, jam bela kaj fortika, nin rigardas kurioze. Du grandaj loroj de *cereus* ornamas liajn orelojn kaj liaj haroj estas zorge kombitaj. Lia patrino ŝmiris lin per kokosa oleo, kaj tiel li ne estas ofendata de la milionoj da kuloj kiuj nin kruele atakas kiam ni proksimiĝas al la bordoj.

Tiuj estas familio; mi rimarkas ilian belan ruĝan koloron, ĉar ili estas pentritaj per la semoj de urukuo (bixa orellada). La fumuloj havas, ĉe la pulpoj kaj super la genuo, strangan ornamon konsistantan je ĉirkaŭligaĵo el dense teksita kotono kun pendantaj glanoj, ankaŭ per urukuo tinkturitaj. La homoj revenas de fiŝoĉaso. Efektive, ili ne kaptas la fiŝon per hokoj aŭ retoj, sed ĝin ĉasas per boatoj aŭ eĉ naĝe kaj mortigas per sagoj aŭ harpunoj. La rivero estas riĉega je fiŝoj ĉiuspecaj. Bandoj de skvamaj fiŝoj, tre similaj al niaj karpoj, supreniras la fluon, farante ŝauman strion tre longan. Ilin persekutas la grandajn ledfiŝojn, kies kelkaj estas pli altaj ol homo, kaj la mistera *boto* (delphinus glaucus), kiu, kiel ĉiu scias, estas sorĉisto malbona. Malproksime, ĉe la sablaj varmoj, la grandaj krokodiloj dormas, sed, je alveno de l'homo, tuj malaperas. Akvobirdoj ĉiuspecaj salutas nin per krioj malagrablaj aŭ forflugas. Kelkaj estas belegaj, kiel speco de ibizo rozkolora kiu ŝajnas fluganta flamo, kaj per kies plumoj sin ornamas la gentanoj dum festaj tagoj. Granda gruo, blanka kaj nigra, marŝas rapide movante la ŝultrojn, kiel karikaturo de malkontenta aferisto. Sed, kiom malbelaj voĉoj ! Tio memorigas min pri malnova observo de M. de Buffon pri la tropikaj birdoj kie, antaŭ Darwin, li montras ke la naturo (ni dirus nun : la seksa selektado), ne kumuligas je la sama birdo la donacojn voĉajn kaj belaspektajn. Sed ĉu La Fontaine ne antaŭe tion diris?

La bordoj de la rivero estas, jen nealtaj sablaĵoj, jen altaj krutaĵoj forrodataj de l'ondoj. Vegetaĵo estas densa sed malalta; delikataj mimozoj diversspecaj, plumfoliaj sensitivoj (mimosa pudica), lianoj bignoniaj je grandaj floroj, dornaj palmoj Astrocaryum, bactris, etc., jen nealtaj, jen levantaj elegantan stipon kronitan de fasko da longaj folioj. La sola granda arbo, kiun ni vidas, estas kopajfero (copaïfera off.). Malproksime, la loko Dumba, memorigas al mi la nomon de homo kiu volis, antaŭ 30 jaroj, krei civilizecon en tiu sovaĝejo.

D-ro Conto de Magalhaes estis brazilano el provinco Miras kiu, per okazoj de politiko, fariĝis guberniestro de provico Goyaz. Veninte ĉe l'Araguaja, li entuziasmiĝis pro la beleco de l'rivero, kaj decidis transformi la regionon. Li venigis tri vaporŝipojn, unu, kaptita kanonjero paragvaja, el Corumba : ambaŭ aliaj el Para. En Leopoldina, li kreis belan laborejon meĥanikan, je l'kunfluiĝo de Araguaya kun la rivero Vermelho, kiu venas de la ĉefurbo Goyaz, je 200 kilometroj ; kaj en tiu laboris ĝis 60 laboristoj, kun kondukantoj anglaj aŭ belgaj. Ĉar en tiu tempo, Brazillando ne havis koloniistojn, li kreis, sub la bordoj de la rivero, 6 militistajn koloniojn, por certigi la trankvilecon de la navigado. Respektema tamen pri la rajtoj de la gentanoj, kies lingvojn li lernis kaj parolis flue, li vokis ilin kaj fondis du kolegiojn por edukado de la junuloj. Li venigis ĉiuspecajn maŝinojn por instruado, ne nur de la gentanoj, sed ankaŭ de la brazilanoj, eble ankoraŭ pli sensciaj. Malsupreniris la barkoj ĝis Para ŝarĝitaj je naturaj produktaĵoj, kaj resuprenvenis kun feraĵoj kaj salo. Fariĝis riĉa la grandega rivero, kaj donis iluzion de vera progreso. Sed vere, ĉio ĉi estis la verko de nur unu. Tiu foriris : ĉio ĉesis.

Nun la belaj barketoj, senzorge lasitaj de la bordo, duonplenaj je sablo, malgaje rustiĝas, sovaĝe detruitaj de la « civilizitaj » landanoj. La rivero forprenis la krutaĵon kie staris la laborejo, kaj la duono de la domo falis en la akvon. Personoj senkonsciencaj ŝtelas ĉiutage pecojn de aparatoj aŭ rompas ilin sennecese, kaj la tuto falas malrapide, je la ironia rigardo de la gentanoj, kiujn oni volis antaŭtempe civilizi. De unu el la kolegioj, nur restas ruinoj ; la alia, bela kaj granda domo, fariĝis loĝejo de bovisto ĉe kiu mi nun loĝas, S-ro Manoel Ferreira.

S-ron Ferreira oni konas ĉi tie per nomo Piauhy, nomo de lia naska provinco. Sama en Leopoldina oni nomas Ceara viron, kiu venis el tiu malproksima provinco. Tio estas loka kutimo. La bovisto de Dumba, kun siaj du filoj, zorgas la bovojn de riĉa Portugala negocisto, sur tiu bordo de rivero Araguaja, kiu apartenas al ŝtato Matto-Grosso. Kiom da bovoj estas tie? Neniu scias. Oni serĉas ilin nur ĝis 40 km. de la rivero, eĉ ne ĝis tie. Pli malproksimen neniu iris. Suprenirante sur nealtan monteton, oni vidas ĉe l'horizonto nur kampojn, kaj arbetejojn, kaj marĉojn kie kreskas la eleganta *burity* (mauritia flexuosa) je bruantaj palmoj. Tie, en la nekonato, pasas la rivero Cristalino, afluento de Araguaja, transe vivas la kuraĝaj *ŝavant*, « kiuj de l'blankuloj volas vidi nur la sangon » diras poete Frei Jacinto, dominikano. Tie ĉi kaj tie oni trovas restaĵojn de antikvaj loĝegoj, kaj eĉ unu krucon ! Tamen neniu memoras, ke tie loĝis iam iu ajn, kaj nature, la superstiĉa karaktero de la loĝantoj trovas tie alimenton por sia timo.

Nun, la estro estas ĉi tie : li venas, kiel ĉiujare, preni la vendeblajn bovojn por ilin konduki tra Goyaz ĝis S. Paulo. La bovistoj, vestitaj per ledaj vestoj kaj armataj je lancoj sin jetas en la arbetejo por kunpeli la bovojn. La tuta lando estas sablaĵo preskaŭ ebena, trancata de marĉoj kaj lagoj neprofundaj, jen nuda aŭ kovrata de nedensa herbaĵo, jen plena je arbetoj kunplektitaj de lianoj dornozaj nerompeble fortaj. Nur per glavo senĉese batanta oni povas trairi tiujn nepenetreblaĵojn, kie sin kaŝas la bovoj kaj siaj idoj. Sed la bovistoj sin englitas ĉien kaj per tre lerta ĉirkaŭmovo puŝas, se ne ĉiujn kapojn sed almenaŭ centojn da ili, versaŭ (1) la rivero. Inter la bovoj forkuras antaŭ timigitaj grandaj cervoj kaj la potenca *anta* (tapirus americanus), aŭ bandoj da sovaĝaj porkoj. Sed la bovistoj ne perdas tempon ĉasante : nur se aperas la tigreto *onça* timiganta la ĉevalojn, ili ĝin mortigos per pafo de Winchester, aŭ eĉ per glavo « por ne malbeligi la felon ». De la vendeblaj bovoj ili apartigas la bovinojn kaj bovidojn, kiuj restos en la kampo kaj per krioj aŭ batoj kunpuŝas la bestojn ĝis la *curral*, bovejo, ĉe l'bordo de la rivero.

La bovejo estas vasta korto, ĉirkaŭfermata de dikaj tronkoj de malmola *arveira* (schinus terebintifol). Tie estas infera bruado. Kvar aŭ kvin cent bovoj muĝos samtempe, batante la fostojn per kornoj Dume, la bovistoj preparas la barkojn per kiuj ili kondukos la bovaron trans la rivero, en la ŝtaton Goyaz.

Kiam ĉio estas preta, oni malfermas pordon kaj la bovaro estas pelata tra longa koridoro, de la bovejo ĝis la rivero. La unuaj, vidante la akvon malsupre de la glitanta krutaĵo, volas retroiri, sed la aliaj puŝas ilin, kaj ili eniras en la akvo, baldaŭ naĝante al la kontraŭa bordo. La bovistoj, remas flanke de la bovoj, puŝante ilin per krioj, laĉante tiujn, kiuj sin lasas forporti de la fluo malsupren. Tamen kelkaj dronas, sed la perdo ne estas granda : ĉi-tie bovo kostas 10 Sm. ĝis 12 Sm. Se oni povas, oni salvos la haŭton, kiu valoras 2 Sm. 5 ĝis 3 Sm., kaj la viando estos por la krokodiloj.

Fine, ĉiuj bestoj estas trans la rivero. La paco refariĝas ambaŭflanke. La grandaj vulturoj nigraj revenas per flugo mola, por vidi ĉu estas io por manĝi, kaj removi la sennombrajn ostaĵojn dissemitajn ĉirkaŭ la domo, ĉar hodiaŭ oni mortigis bovon, kies ledo sekiĝas, etendita per stangoj. La viando, trancita je maldikaj tavoloj, ankaŭ sekiĝas, pendigita je aliaj stangoj, sub la suno varmega. Milionoj da muŝoj zumas ĉirkaŭe kaj abomena odoro de sango flugas en l'aero. De malproksime, la vulturoj nigraj rigardas.

Apud la domo, renversita de l'vento, kuŝas bela arbo Condassa (anona sgnamosa) ŝarĝata de floroj. Estas la sola fruktarbo kiun mi vidis sur tiuj bordoj. Ĝin kaj la kopajferon plantis D-ro Conto, kiel ankaŭ diversajn arbojn en Leopoldina, Jurupensem ; sed, post li, neniu sin okupis pri tio, kaj en tiu malfeliĉa regiono mankas eĉ bananoj ! la klasika bonega frukto brazila.

Alimentoj estas nur fazeoloj, rizo kaj faruno de manioko. Farunon de maizo la loĝantoj ne scias fari. Fromaĝon ili faras tre malbone, skuante lakton en kalabaso. La sola bela arbo estas la Tatahy (hymenœa combaril) kiu abunde liveras belan rezinon konatan en Franca lingvo per nomo : *animé*. Sed ĝi ne estas ekspluatata. Same la konata mangabeira (hancornia speciosa) kiu liveras bonan kaŭĉukon ne estas kulturata nek esplotata regule, kvankam ĝia prezo estas 3 Sm. kilog. Vanilio eĉ ne estas rikoltata ! Kiom diversaj estos tiuj landoj, kiam instruado penetros ĝis ili !

Paul Berthelot.

**Aŭstraliaj prispriboj**

Aŭstralio, la nova regiono, estas unu el la plej maljunaj landoj. Sed moderna civilizacio venis al ĝi laste. Poeto aŭstralia skribas pri ĝi tiel : « Lasta maraĵo skrapegita de la tempo la maristo el la spaco. » Tial la pionirlaboro de ĝia disvolvigo prezentas multajn interesajn fazojn. La antaŭtagaj marbordaj dezertoj nun kovriĝis per urbegoj. Aliaj urboj elkreskas laŭlonge de la fervojoj kiuj alligas la ĉefurbojn de ĉiu ŝtato. Tiuj ĉi fervojoj por ĉiam puŝiĝas plue kaj plue trans ebenaĵoj kaj transmontoj al la dezertoj enlandaj. Kie ajn terkultura, paŝtista, aŭ mina lando estas atingebla de homoj kaj ne prezentas tro da kontraŭaĵoj naturaj, tie establo komencas. Unue vojo tra arbaĵaro kondukas al malgranda urbeto, kie estas ĝenerale butikego, hoteleto, kaj la ĉieestanta poŝtoficejo. Se la loko staras en distrikto vasta kaj prospera baldaŭ pli da homoj, publiklernejo, preĝejoj, formitaj vojoj, butikoj laŭlonge la ĉefa vojo, rapide fariĝanta strato, kaj eble fervojo kun tropretendema stacio, sekvas ; tiam ankaŭ brikaj kaj ŝtonaj konatruaĵoj. Multe da tiaj urboj havas 3.000, 5.000 aŭ 10.000 loĝantojn, iuj 30.000 aŭ 40.000, ankaŭ multajn farmulojn aŭ fosistojn ĉirkaŭe. Tiamaniere estas la naskiĝo de popolaj centroj Aŭstraliaj. Tagon post tago la kreskado okazas laŭ la disbranĉigoj de la linioj kiuj ligas Brisbanon (Qvinslando) al Sidneo (Nova Sud-Kimrujo, kiun mi nomas la patrino ŝtalo) 1.152 kilometrojn ; Sidneon al Melburno (Viktorio) 886 kilometrojn ; Melburnon al Adelaido (Sud-Aŭstralio) 775 kilometrojn. Ĉiuj el tiuj ĉi ĉefurboj estas aparta centro de aktiveco el kiu la ŝtato eltiras vivadon kaj repage vivon donas. Pertho kaj Porto Darvino (Norda Teritorio) estas izolataj, escepte per ŝipoj. Tamen ili estas en la sistemo de kontinenta fervoja disvolvo.

Esperanto nun estas aperinta kaj estas establiĝanta ĉe la ĉefaj urboj en la nova lando, tiel malproksima antipode. Per ĝi popoloj en pli novaj regionoj povos lerni pri la tipoj de homoj, alie nemulte sciataj, kiuj estas formantaj nacian karakteron, tra spacgrandeco preskaŭ tiel vasta kaj klimate tute tiel diversa kiel Eŭropo. Kvankam estas multaj homoj la devizo estas : « Unu nacio, unu destino ».

Aŭstralio estas fama kiel lanproduka regiono. Tamen, estas nemulte konata, kiel la lano estas forprenita el la ŝafoj, veturigita al la fervojoj, kaj enŝipigita al Eŭropo, post aŭkcia vendado ĉe voĉbruega lanvendo, kiel la miloj da ŝafoj estas kunvenigitaj, per helpo de saĝaj hundoj, tra densa subkreskaĵo de densarbaj montaroj aŭ trans vastaj ebenaĵoj, tonditaj per mantondiloj aŭ tondmaŝinoj, kaj kiel la lano estas enpakita, kaj per jungaĵoj de bovoj aŭ ĉevaloj veturigita trans la longaj vojoj, okaze marĉaj. Malplej konataj de ĉiuj estas la viroj kiuj detondas la lanon de la ŝafoj, kiuj batalas kun pezaj ŝafviroj sur la planko tondeja, kiuj trancas jen ŝafon kaj jen ŝafidon kaj jen sin mem, kaj ankaŭ timigas la knabon kies servo estas gudrumi vundojn sur la ŝafoj per la preskaŭ senĉesa voko : « Gudron tien ĉi ».

Tondistoj en Aŭstralio atingas multajn milojn. Estas kutime vojaĝi kiel eble plej plue norden (al Queensland), kie tondado komencas frue en la jaro, kaj iri de unu ŝafstacio al alia suden, ĝis oni aliros Tliktorion, Tasmanion eble, aŭ Nov-Zelandon. Ŝastacioj la plej grandaj sin trovas en Nova Sud-Kimrujo kaj Queensland, kvankam tiu lasta estas rimarkinda plie pro siaj bovaroj. Miloj da ŝafoj estas tenataj en tiuj ĉi lokoj. Kvankam tondisto laboras nur kelkajn monatojn jare li akiras multon dum bonsezono, kaj per antaŭzorgo povos fini la jaron kun granda sumo. Iuj, malpli kaj malpli jare, iros en la plej proksiman urbon, kaj drinke elspezos siajn ĉekojn. Tiamaniere, 1.000 Sm. aŭ pli multe estas malŝparitaj en du aŭ tri semajnoj. Sed tiu ĉi tipo malaperas ; la tondisto nuntaga estas pli regula. Ofte li havas edzinon kaj infanojn ĉe urbo. Nuntempe, ankaŭ, li surrajdas pli ofte bicikleton ol ĉevalon. Sur la ebenaĵoj ili biciklas eĉ kie ne ekzistas vojoj. Multaj ankoraŭ uzas ĉevalon, iafoje du, unu por rajdi alia kiel ŝarĝan ĉevalon sed la bicikleto havas multajn plibonojn, speciale kiam oni deziras transpasi rapide. La vivado estas harda kaj produktas fortan klason de homoj kiuj posedas virecon memstaran vere aŭstralian.

Dum la popoloj en la duonsfero norda havas la malvarman veteron, en Aŭstralio oni penas malvarmetiĝi. Je la tempo de Kristnasko la varmego estas la plej granda kaj estas multaj subkreskajaj fajregoj en la kampo. Tia fajrego estas terura. En la densa subkreskaĵo kaj inter la arbaro ĝi moviĝas simile al muro flama, saltanta kaj fluganta antaŭen; super la ebenaĵoj herboriĉaj ĝi lekas kiel fajrorivero. Okaze, tage kaj nokte la koloniistoj batalas kontraŭ la manĝeganta monstro, kaj penas ĝin venki por savi domojn, rikoltojn kaj bestarojn.

B. N. Fryer (South Jarra, Victoria).

(1) Laŭ la direkto de (neolog).

### KOMERCO

**La Komerco en la haveno de Genova**

Por montri kiel grava estas la komerco en la haveno de Genova mi donos kelkajn ciferojn pri la movado en la jaro 1908, kiuj certe interesos niajn samideanojn.

3.016 vaporŝipoj alvenis de la eksterlandaj havenoj, kaj 982 el ili estis italaj.

Sume alvenis al Genova el la eksterlandaj kaj de la hejmaj havenoj 4.553 vaporŝipoj kun 193.937 ekipaĝaj personoj, 5.182.638 milkilogramoj de komercaĵoj, kaj 496.211 pasaĝeroj.

Foriris de la haveno de Genova 4.562 vaporŝipoj kun 194.535 ekipaĝaj personoj, 828.751 kmil. kilogramoj de komercaĵoj, kaj 171.210 pasaĝeroj.

Sume la tuta movado de l'haveno estis 9.115 vaporŝipoj kun 388.472 ekipaĝaj personoj, 6.011.389 milkilogramoj de komercaĵoj, kaj 367.615 pasaĝeroj.

En la sumo de la komerca movado la ŝtonkarbo estas la ĉefa parto. Estis elŝipigitaj 3.084.780 milkilogramoj de ŝtonkarbo.

Dum la jaro 1908 estis disdonitaj 320.628 malplenaj vagonoj, kaj 87.484 alveturis ĝis

la haveno ŝargitaj, tio estas meze ĉirkaŭ 1.040 vagonoj po labora tago.

A. Stromboli (Del. Genova).

## PEDAGOGIO

**La unuagradaj lernejoj en Rusujo. — Ilia historio**

La mongola premregado malhelpis pluan prosperon de tiuj malmultaj lernejoj, kiuj estis aperintaj en Rusujo dum la 11ª jarcento. En la 15ª jarcento oni havis eĉ pastrojn analfabetuloj.

Petro la Granda entreprenis enkonduki « ciferajn aŭ aritmetikajn lernejojn » sed ilia ekzistado ne estis daŭra.

En la jaro 1786ª Katerino la IIª eldonis regularon de popolaj lernejoj laŭ kiu en la guberniaj urboj oni ordonis starigi kvarklasajn lernejojn, en la distriktoj — du klasajn kaj en la vilaĝoj — unuklasajn. Sed tiuj ĉi lernejoj malprosperadis pro manko de monrimedoj kaj kapablaj instruistoj.

Tiutempe en Rusujo aperis unuaj provoj de socia iniciato por la popola klerigado.

Ĉe la unua rusa societo de scienculoj, fondita de Katerino la IIª, oni sin okupis pro la demando de la tutpopola klerigado; la sama problemo estis diskutata de « l'Amika Societo «.

Sed la tiama servutrajto estis tro malfavora por ia serioza klerigado de l'popolo.

Dum la regado de Aleksandro la Iª en la jaro 1802ª — oni instituciis Ministroficon de Popola Klerigado kaj en la jaro 1803ª — aperis dekreto pri la fondo de parohaj lernejoj sed ĝi tute ne povis esti efektivigita.

Post la Krimea milito, rusaj kleruloj komencis aparte vigle pripensi la tutpopolan klerigadon. Je l'fino de la jaro 1857ª estas fondita « Pedagogia Societo ». Aperas pedagogiaj ĵurnaloj, dimanĉaj lernejoj, sed en la jaro 1862ª ili estas ĉiuloke malpermesitaj.

En la jaro 1864ª ricevis rajtigon de l'Imperiestro « Statuto » pri la unuagradaj popolaj lernejoj kaj la samjare aperinta « Statuto pri la Zemstvo » ebligadis la loĝantaron de la gubernioj, donacitaj per ĉi tiu statuto, memstare sin okupi je la klerigado de l'popolo.

Tamen de la jaro 1867ª ĉiuj lernejoj estas submetitaj al la administrado de la Ministo de la Popola Klerigado, kaj en la jaro 1869ª en ĉiuj gubernioj, kie estis enkondukita la « Zemstvo », oni starigas unu inspektoron de popolaj lernejoj.

La ministro ne volis permesi en la programo de tiuj ĉi lernejoj aliajn objektojn de lernado, krom la lecionoj pri la Ortodoksa Religio, la legado, la skribado, la aritmetiko, la kantado kaj la metioj.

Tiutempe meze de rusaj kleruloj aperis rimarkindaj pedagogoj kiel Pirogov, Uŝinski, L. Tolstoj k. a. La klopodojn pri la preparo de la instruistoj, la aranĝon de iliaj kongresoj kaj de ilia pensado, la monhelpadon por konstrui la lernejojn, preskaŭ ĉie prenis sur sin la guberniaj zemstvoj. La distriktaj zemstvoj faris al si la devon zorgi pri la pago de la instruistoj kaj la provizo de la lernantoj per la instruiloj; la komunumoj devis lokigi la lernejojn kaj liveri monon, por ilia riparado, hejtado, lumigado kaj por la dungado de iliaj servistoj.

La administradon de la lernejoj la distriktaj zemstvoj komisiis al la « Upravoj (1) » aŭ al la anoj de la lernejaj konsilantaroj delegitoj de zemstvo.

Tre multaj zemstvoj petadis la permeson havi siajn proprajn inspektorojn. Sed en la jaro 1875ª oni permesis al ili nur doni monon, por la salajroj de registaraj inspektoroj. Plej multe estis farita por la popola klerigado de la zemstvoj konsistantaj ĉefe el plugistoj tie sudaj kaj orientaj; centre de Rusujo, la klerigado estis disvastigata pli malrapide.

Inter la geinstruistoj de la popolaj lernejoj ekzistis pli ol unu cento de veraj herooj fordonantaj sian tutan vivon al la klerigado de l'popolo.

De la jaro 1884ª oni ediktis statuton pri la Ekleziaj lernejoj ĉe parohoj sub la patronado de Sanktega Sinodo. Tio multe malakcelis la klerigan agadon de zemstvoj dum la 80-aj jaroj ĝi denove fariĝis treege vigla post la jaroj 1891-93, kiam la malsato kaj ĥolero tro konvinke montris, kiom necesaj estis la plej grandaj penoj por la popola klerigado.

Dum la jaro 1895-96 la zemstvoj ĉiam pli kaj pli da multaj lernejoj fondas kaj el ili ĉiel klopodas por prepari la tutpopolan instruadon. Grandan parton de l'elspezoj por ĝia efektivigo multaj guberniaj zemstvoj prevnas sur sin.

*(Daŭrigo)*

A. Ŝarapov (Del. Kostroma).

(1) Oficistaro de distriktaj delegitoj.

## IDEOJ & FAKTOJ

**Novajoj el Rumanujo. — Kontraŭ la Sindikatoj. — La eksiĝo de P-ro Maiorescu. — Aviadoj progresaj.**

Dum lasta monato okazis ĉe ni kelkaj gravaj faktoj. Unue atenco kontraŭ liberala ĉefministro J. C. Bratianu. La atencinto juna laboristo revolverpafis lin per tri kugloj el kiuj 2 trafis la celon; la ĉefministro estis frapita ĉe ŝultro kaj kokso; tamen la vundoj estis sensignifaj ĉar post semajno la vundito fartis bone, eĉ la kukloj ne bezonis esti eltenitaj. La atencinto estis tuj arestita kaj kio estas tre interesa kaj por juĝistoj tute koleriga estas la fakto ke dum preskaŭ 2 semajnoj li eĉ vorton ne parolis pro nerva eksciteco. Li ĉiam tremis kaj dum demandoj fikse rigardis ĉiun [personon sed sen ia parolo. Vane estis ĉio uzita, enĵetoj per morfino, etero k. t. p., kiujn la kuracistoj juĝis necesaj en tia okazo. Plie dum enketo la atencinto sin ĵetis tra fenestro de l'necesejo en justeca palaco de alte je 9 metroj, kio malsanigis lin plie. Li malsaniĝis je iktero kaj rompiĝis al li 2 ripoj; estis timo pri morto sed li trapasis tiujn malfacilajn momentojn. Nun en malliberejo li atendas la tagon de l'juĝo. Ĉar la atencinto nenion deklaracias pri sia aĝo la enketo, kiun oni faras tute sekrete, laŭ kio elflugis per maldiskretulo[1], preskaŭ nenion trovis ol nur agon de senkonscia homo, kiu en momento de senkonscieco revolverfrapis. Oni serĉis multe ian komploton kontraŭ la ĉefministro, kiu ne estas amata de laboristoj kaj de malriĉuloj pro lia nesufiĉa zorgo pri la vivadmaniero de tiu ĉi homoj, kiuj tro suferas pro monamemo de l'fabrikantoj kaj posedantoj enlandaj. Ĉar iafoje la atencinto estis enskribita en la sindikato de la laboristoj de Rumanaj fervojoj, oni implikis en la aferon la sindikatanojn kaj oni komencis kontraŭ ili premojn.

Tiuj premoj estas la dua grava fakto okazinta ĉe ni kaj, kiu kiel nenia alia fakto agincitis ĉiujn.

Malgraŭ ĉiaj protestoj de l'sindikatanoj, de l'homoj kleraj oni fabrikis en 2 tagoj leĝon eksterkonstitucian. Oni ĝin aprobigis de la reĝo, de la parlamento en aliaj 2 tagoj kaj nun regas en Rumanujo leĝo kiu malpermesas al ĉiu ŝtata salajrato partopreni ĉian ajn ekonomian, socialan societon, partopreni ĉian ajn kunvenon aŭ agadon kiu posedus ekonomian karakteron. Se oni deziras enskribiĝi en ia ajn societo ĉu scienca, aŭ kunhelpa k. t. p. oni estas devigata peti permeson de oficestraro; unuvorte la dekmiloj de homoj kiuj formas la ŝtatan oficistaron armeon estas per tiu leĝo metita ekster la konstitucio, kiu permesas al iu ajn loĝanto de Rumanujo partopreni ĉian ajn societon. kunvenon sen ia ajn eĉ malgranda rimarko rilate al tiu ĉi rajto. Kaj tiu ĉi leĝo atingas nur la oficistojn, kies ofico estos ial ajn komerca aŭ industria. Do per tiu leĝo oni malhelpas umultajn klerajn homojn helpi al antaŭeniro de l'komerco kaj industrio de l'lando.

La leĝo tiel subite aprobita de parlamento igis la laboristojn sindikatanojn fondi socialdemokratian partion per kiu ili povus pluen batali kontraŭ tiu ĉi leĝo kaj aliaj tiaj. Ĝi faris ankaŭ alion, alproksimigis la nekonsentajn laboristojn, kiuj komencis agitadi en ĉiuj urboj kontraŭ tiu leĝo, kiu forprenas rajtojn konstituciajn.

Alia fakto interesa estas eksiĝo el la universitato de S-ro T. Maiorescu unua profesoro de filozofio en Rumanujo, homo kiu dum 40 jaroj instruis pri vero, bono kaj feliĉo ĉiujn rumanajn studentojn. Lia personeco estas el la plej gravaj en la historio de la disvolviĝo de Rumanujo pri kampoj literatura, filozofia kaj leĝoscienca. Lia eksiĝo, kaŭzita pro politikaj subfosoj, subite alveninta estis de ĉiuj ricevita per tre granda impreso. La festo en lia honoro estis io grandioza. La universitato neniam vidis ion pli grandiozan; ĉiuj, kiuj estis en Rumanujo plej famaj, plej altrangaj en la sociala vivo kaj sciencfako ĉiuj rapidis tiun tagon festi kaj aldiri al la festato siajn respektajn dankojn kaj bedaŭri pro la eksiĝo de tia persono de kiu nun la rumana universitato estas senigita. La reĝo donis al S-ro Maiorescu plej altan ordenon « Carol I » por danki al la vera profesoro.

La aviado kaptis ankaŭ ĉe ni adeptojn. S-ro inĝ. Vlaicu per permeso de la milita ministrejo konstruis en la armea arsenalo de Bukureŝt'o aeroplanon, kies motoron li mendis en Parizo. La unuaj eksperimentojn oni opiniis fareblajn dum aprilo venonta. S-ro leŭt. Goliescu ricevis de ŝtato 20.000 fr. (8.000 $) por konstruo de aeroplano laŭ nova teorio elpensita de li. Laŭ tiu ĉi teorio oni bezonos malgrandan forton kaj uzos malmultan materialon por la movigo de l'aparato. Io interesa estas en tiu teorio, ke li kredas, ke la birdoj flugas sinapogante ne per iaj malsupraj surfacoj de l'flugiloj sed per la supraj surfacoj. Lia teorio taŭgas por ia ajn aparato moviĝanta en ia ajn medio sen tuŝi alian, t. e. nur en aero aŭ livIdoj sen tuŝi teron. S-ro s. leŭt. Coanda, en Parizo, laboras pri iu flugmaŝino, princo Bibescu ricevis ateston pri aeroplankonduko de la franca societo; li lernis ĉe Bleriot'a skolo en Pau (Francujo) kaj revenos Bukureŝt'on por flugi per Bleriota flugmaŝino. Li flugis sen grava sukceso per Voisin-a aparato antaŭ 2 monatoj ĉe tendaro de Bukureŝt'a garnizono.

La intereso de l'publiko pri la aviado estas granda kaj kiel montraĵo estas fakto ke S-ro Brumarescu fabrikanto de lignaj ludaĵoj ĉiaspecaj, ankaŭ laboranta al propra sistemo de aeroplano, opiniis favora la momenton de l'kristnasko kaj novjaro por fabriki aeroplanojn ludaĵojn laŭ Bleriot'a aeroplano. Li ricevis tiom da mendoj, ke estis neeble al li ĉiujn kontentigi siatempe malgraŭ la prezo iom kara de l'ludaĵoj.

J. Giuglea (Del. Bukureŝto).

## KONGRESOJ & FESTOJ

**Kalendaro de la Internaciaj Kongresoj**

Jen laŭ la Jarlibro de la Internacia Vivo, publikigita de la Centra Oficejo de la Internaciaj Institucioj en Bruselo, la listo de la Kongresoj dum 1910 :

Bruselo. — K. de Asocio de la Anatomiistoj. — K. de Fotografado. — K. de Bibliografio. — K. de Arĥivistoj kaj Bibliotekistoj. — K. de la turistaj asocioj. — K. de la vojoj. — K. de la kremacio. — K. de farmacio. — K. de libera penso. — K. por la edukado kaj protektado de la infano en la familio. — K. de la administraj sciencoj. — K. de la por laboristaj loĝejoj. — K. de botaniko. — K. de numismatiko. — K. de la perioda gazetaro. — K. de la internaciaj institucioj. — K. de la Unio de punrajto. — K. de la popola edukado. — K. de nutra higieno.

Amsterdam. — K. de la eldonistoj.

Ateno. — K. de la Arta kaj Literatura Asocio.

Augsburg. — K. de Universala Esperanto Asocio.

Basel. — K. de la Kooperativa Unio.

Berlin. — K. de la liberala kaj progresa kristanismo. — K. de la Kolonia Instituto. — K. de la Ekspoziciaj Komitatoj. — K. de ornitologio. — K. de helpado al frenezuloj.

Bern. — K. de la fervojoj.

Breslau. — K. de astronomio.

Buenos-Ayres. — K. tutamerika.

Christiania. — K. de la elektraj stacioj.

Cœln. — K. de kriminala antropologio.

Edinburgh. — K. de la misioj.

Graz. — K. de la Zoologio.

Kopenhag. — K. de publika kaj privata helpado.

Lvov. — K. de la petrolo.

Londono. — K. de la Komercaj ĉambroj.

Paris. — K. de la unuagrada instruado. — K. de fizioterapio. — K. de Katolikaj Esperantistoj. — K. de la ciklista Unio. — K. de lerneja higieno.

Peterburgo. — K. de ginekologio kaj obstetriko.

Romo. — K. de la Asocio de l'Akademioj.

Stokholm. — K. de la paco.

St-Gravenhag. — K. de la libera interŝanĝo.

Washington. — K. de Esperanto. — K. de higieno kaj demografio. — K. de karceroj.

Wien. — K. de fiziologio. — K. de la porblindulaj instruistoj. — K. de la laboristaj sindikatoj. — K. de la malvarmo. — K. de la komerca instruado.

En ĉiuj tiuj urboj la interesatoj povos ricevi informojn el la regionaj Del. de U. E. A.

## Homara Dataro

16 Februaro 1654. — Olivero Cromwell ricevas la titolon de Protektanto de Anglujo, Skoltando kaj Irlando. — 1907. Mortas en Bologna poeto kaj literaturisto Giosué Carducci.

17. Forkuro de Jezuo en Egiptujon. — 1600. Jordano Bruno el Nola (nask. 1550), domenikano, filozofo, persekutita pro siaj neortodoksaj doktrinoj, estas bruligita en Campo de Fiori (Florplaco) en Romo. — 1856. Mortas germana satirpoeto Henriko Heine. — Mortas en Parizo filantropo N. Godin.

18. 1546. Mortas Martino Lutero. — 1564. Mortas en Firenzo Miĥelanĝelo Buonarrotti. — 1474. Estas ekzekutita Mario Stuardo Reĝino de Skotlando. — 1745. Naskiĝas en Como fizikisto Aleksandro Volta elpensinto de la elektra pilo. — 1798. Oni proklamas la Respublikon en Romo.

19. 1473. — Mortas Nikolao Kaperniko. — 1745. En Toloso estas bruligita filozofo Lucilio Vanini. — 1874. Mortas en Hyères Michelet, aŭtoro de la Historio de Francujo, Biblio de la Homaro k. t. p. — 1894. Mortas en Genovo, fama violonisto Kamilo Sivori.

20. 1445. — Jakojo Foscari, doĝo el Venecio, estas kondamnata al ekzilo. — 1861. Mortas itala patrioto kaj dramaktoro Gustavo Modena. — 1908. Reĝo Carlo X el Portulagujo estas inside mortigita en Lisabono.

21. 1513. — Mortas Papo Julio IIª.

22. 1183. — Frediko Barbarossa subskribas la interkonsenton de Konstancô. — 1512. Mortas Amerigo Vespucci. — 1788. Naskiĝas en Danzig Arturo Schopenhauer, pesimisma filozofo. — 1732. Naskiĝas Georgo Washington.

23. 1603. — Mortas en Romo Andreo Cesalpini el Arezzo (nask. 1519) botanikisto kaj fiziologo, profesoro en Pisa. — 1677. Naskiĝo de filozofo Baruch-Spinoza. — 1887. Tertremo en Nico kaj Ligurio. — 1902. Kondamno de Emilo Zola pro la letero « Mi kulpigas... »

24. 1360. — Naskiĝas Amedeo VII el Savojo nomita Ruĝa Grafo. — 1468. Mortas G. Gutenberg elpensinto de la presarto. — 1525. Batalo ĉe Pavia inter Francisko Iª kaj Karolo Vª. — 1810. Mortas Henriko Cavendisch (n. en Nico, 1731) fizikisto, konata por siaj eksperimentoj pri la tordeca pesilo. — 1842. Neskiĝas Arrigo Boito komponisto (Mefisto), poeto kaj kritikisto. — 1847. Mortas Fulton el Usono, kiu aplikis la vaporon al la navigacio

25. 1500. — Naskiĝas en Lucca poeto Johano Guidiccioni. — 1571. Mortas glora skulptisto kaj metalgravuristo Benvenuto Cellini el Firenzo (n. 1500). — 1789. Mortas materialisto Barono Holbach.

26. 1266. — Batalo ĉe Benevento venkita de Karolo Augio kontraŭ Manfrado el Hoenstaufen. — 1450. La respubliko de Milano submetiĝas al Francisko Sforza. — 1489. Generalo Priuli de la Venecia Respubliko almilitas insulon Kipro. — 1802. Naskiĝas Victor-Hugo la glora franca poeto. — 1843. Mortas en Ateno Fealoro Colocotronis el Messenio (n. 1770) unu el la herooj de la Greka sendependeco. — 1323. Mortas Dino Compagni firenca ŝtatisto kaj aŭtoro de la Firenca datordiga historio (1220-1312).

27. 1547. Mortas poetino Victorino Colonna. — 1848. Promulgo de la konstitucio de Piemonta regno. — 1887. Mortas Aleksandro Borodin el Peterburgo (n. 1834) komponisto.

28. 1683. — Naskiĝas fizikisto de Réaumur. 1810. Mortas materialisto Jakobo Naidon. — 1846. Oni inaŭguras la liberan komercon de la tritiko en Anglujo dank'al ŝtatisto, ministro Roberto Peel. — 1869. Mortas glora poeto, historiisto kaj politikisto A. de Lamartino.

A. Tellini.

# TRA LA MONDO

**MERAN (Tirolo)**

De la vizitantoj de la belega Alpolando Tirolo, certe apenaŭ iu ne faris viziton al tiu belega peceto detero en koro de la lando, kie al la Suda deklivo de Alpoj en la belega « Eĉvalo », kuŝas la kuracejo Meran, ĉirkaŭata de girlando de riĉaj fruktejoj kaj vinberejoj, kies donoj estas la riĉaĵo kaj ĉefa ekspartaĵo de suda



Tirolo. Altaj montoĉenoj, enkadrigante la valon en oriento, nordo kaj okcidento, detenas la malvarmajn ventojn kaj nur sude la valo estas malfermata.

Jam en la mezepoko, Meran estis ankoraŭ ĉefurbo, de la lando, kaj la princoj de Tirolo ankoraŭ regis en la proksima ĉefkastelo « Tirol »; oni ŝatis la mildan kli-



maton de l' valo, kaj multnombraj kasteloj al la deklivoj de l' montaro estas, atestantoj de tiu historia tempo. Antaŭ nur malmultaj dekjaroj oni komencis ree ŝati la preferojn de la tiea klimato, kaj de tiu tempo kreskas la famo de Meran kiel

---

FELIETONO DE « ESPERANTO »

4

# LA KATO

de Dro Johano RAJBERTI

Tamen oni devas konfesi ke ne estas malofta la okazo kiam la Kato defaladas el la tegmento. Tio okazas ĉu ĉar liverante sin al la kolero kun iu sia konkuranto, dum la furiozo de l'interpuŝo ĝi bedaŭrinde forgesas sian naturan singardemon; ĉu pli ofte, dum la neĝado, ĉar la unuforma blankiĝo de la substarantaj platoj ĝin trompas, malhelpante bone vidi la finon de la tegmento. Sed ĉu ne estas tute negrave defali de tia alteco, kiam ĝi tion faras sendanĝere? Por ĝi, tiel terura salto estas nur iri en la korton aŭ en la straton ne havante la ĝenon trairi la ŝtuparojn. La naturo ĝin kreis por tiuj okazajoj doninte al ĝi malpezecon, elastecon, arton fali tute kunigita sur la kvar piedoj kaj tenante la buŝeton alten; kaj se la buŝeto estas savita, kiel scias ankaŭ la knaboj, ĉio cetera estas savita. Fakte rigardu ĝin! Tuj kiam ĝi tuŝas la teron, ĝi pasigas du sekundojn en perfekta senmoveco kaj konfuzo, kvazaŭ sin demandante kiamaniere ĝi estis farinta tian malspritaĵon; poste ĝi ĉirkaurigardas suspekte kaj forkuras per fulma rapideco. Tiu rigardo signifas ke la plej granda danĝero de la falo estis ke ĝi lasis sin surprizi en eraro; kaj tiu rapida forkuro taŭgas por trankviligi la animojn de la ĉeestantoj kaj ilin certigi ke ĝi tute bone fartas spirite kaj korpe. Se iu homo, malsupreniranta komfortan ŝtuparon, forgesas unu ŝtupon, nur a lastan, kaj malbone apogas piedon, povas havigi al si elartikiĝon de femuro, lin kripliganta por ĉiam post ses monatoj de lito kaj doloregoj pro la laboro de la ĥirurgoj; se li falas el alteco de malmultaj coloj, povas okazi cerba enbato kaj morto je malplezuro de ĉiuj Eskulapioj kaj de ĉiuj trezoroj de la terglobo. Kontraŭe, kun Kato kiu defalas de la supraĵo de domo havanta kvin etaĝojn, estas jam tro multe se ĝi opinias esti konvene apartiĝi momente por puriĝi, glatigi al si la felon kaj sin reordigi depost tiu malgranda malordigo de la persono. Nun mi diras: konsentinte ke patrino-naturo en siaj fenomenoj estas ĉiam saĝa kaj malkaŝas gravajn verojn al kiu scias ĝin demandi, ĉu vi miaj karaj legantoj, ne estus, alkondukataj suspekti ke la vivo de multaj personoj valoras iomete malpli ol tiu de unu kato? Tamen, dezirante eviti la komparojn, ĉiam malamajn, ni konkludu ke la vivo de l'Kato estas valora pli ol ŝajnas je unua vido.

*Apologio de la mallaboro*

Sed fine, diros iu, kie ĝi pasigas sian vivon? Mi respondas per unu vorto: Kiel granda sinjoro. Ĝi sin okupas fervore pri la plej gravaj okupoj; manĝi, digesti, dormi; plenumas dum multaj horoj de la tago la grandan laboron de la *tualeto*, sin lavante, kombante, glatigante la felon, igante sin tute bela kaj purigas per la sola helpo de siaj propraj lango kaj piedetoj. Hodiaŭ ĝi dediĉas sin al ĉasado kaj forgesas ĉiun alian zorgon; morgaŭ venos al ĝi la kaprico de la malĉasteco kaj dum kelkaj semajnoj ĝi estos la Don Johano Fenorio de ĉiuj subtegmentoj kaj keloj de la kvartalo. Sed kutime, kiam ĝi ne scias fari ion pli bone ĝi donas al si la delikatajn kaj longegajn plezuregojn de mallaboro tute filozofa kaj enpensa.

La mallaboro (bonvolu pardoni al mi mallongan deiron kiu tamen estas kunligita kun la kutimoj de l'Kato kaj kun la simpatioj de la homo), la mallaboro tute ne estas la patro de la malvirtoj kiel certigas la nescianta popolaĉo, sed estas filo de ĉiaj virtoj, premio al la honoraj klopodoj eĉ al la maljustaj, kara kunulo de la riĉegeco, sopiro kaj ravo senĉesa de la mizero, espero kaj celo de ĉiuj kiuj disverŝas, laborante, la ŝviton de la frunto. Ĝi estis al ni konsentita kiel ĉieldonaco, kaj tion diris senokupa poeto kiam li kantadis tenante la manojn sur la ventro: *Deus nobis haec otia fecit.* Kaj vere ĉar mi taksas min malinda prikanti ĝiajn laŭdojn, mi volas ke mia pruvotaĵo estu valorigita de la aŭtoritato de alia poeto Tasso inter la multnombraj virtoj de laŭdegita nimfo denombras ankaŭ la mallaboron:

« Amas Korismo la mallaboron, kaj ĝi estas en ĉielo; sed la penado ĉagreniĝas ĉe la pordoj de la malluma infero, kie malĝoje staras inter la bando de la senfinaj malbonaĵoj. »

Ĉu oni povas diri pli multe kaj pli bone? Ĉu ne ŝajnas al vi ke en tiuj ĉi malmultaj frazoj enhaviĝas plena moralsistemo? Ĉu ĝi ne estos belega citaĵo por meti ĉe la titolo de traktako pri industrio aŭ ekonomiaj sciencoj? Se iu timemulo suspektas kaj skandaliĝos por tiu ĉi mia fluidiĝo pro amemo pensante al la mallaboro, mi diros ke mi tute ne intencas laŭdi la hontindan mallaboron, ho ve! sed nur la mallaboron filozofian kaj saĝan. La unua konsistas el nenionfarado, la dua (bone distingu) el tio, ke oni havas nenion por fari. La hontinda mallaboro estus abomeninda se ĝi povus ekzisti laŭnature, sed ĝi estas neelpensebla kiel la nenieco, kaj feliĉe ĝi ne ekzistas. Nur mi portas la pruvojn. Prezentu al vi la homon la plej mallaboreman kaj senokupan kiun oni povas imagi, kuŝantan sur lito, sen movo, sen penso, kaj kiu ne eĉ dormas, ĉar tio ĉi jam estus fari intence ion. Se do vi opinias lin senokupa laŭ la vulgara kaj hontinda signifo de la vorto, vi tute trompiĝas. Por ne diri plie, li plenumas en si mem per mireginda vigleco kaj precizeco, neniam ripozante unu sekundon, la grandan laboradon de la sangirado, kies sola eltrovo dontis famon al unu jarcento. Tiu mirinda fenomeno, dank'al kiu la multvalora fluidaĵo (de li perfektigita, kaj alfarita al tiom da roloj, per la alia penado de liaj dentoj) fluas tra la riveroj de la arterioj, redividiĝas laŭ mil riveretoj, kaj poste partiĝas laŭ milionoj de kapilaraj tubetoj por porti internen de ĉiuj fibretoj de la maŝino la delikatecon, la varmeton, la nutradon, la forton, kondukante poste tra la mala sistemo de la vejna arbo ĉiuj dismetitajn molekulojn ne plu taŭgajn por la vivo.

Sed por ke la sango puriĝu je ĉi tiuj forĵetaĵoj, seniĝu je la karbono, reprenu la oksigenon kaj kun ĝi la koloron kaj la varmon en la granda laborejo de la pulmoj, li (la tiel dirita mallaboremulo) sin okupas samtempe pri alia altega kaj senĉesa laboro nome pri la spirado. Sed laboro alportas laboron. La sango regata de tiom da laboremo kaj konstanteco volas esti ministro kaj aktoro de la plej vivigaj kaj altvaloraj sekrecioj; pro tio, nia homo sub tiuj ŝajnoj de mallaboremo kunmetas por si mem la stomakajn sekreciojn por la digestado, la galon por la grandanimaj koleretoj, la salivon por la cigaro, la larmojn per la karesa sentimentalismo. Kaj ĉiujn ĉi aferojn li plenumas tiel bone kiel Aleksandro kiu submetis Azion, kiel Skipiono kiu obeigis Afrikon, kiel Kolombo kiu malkovris Amerikon, kiel Bonaparto kiu almilitis Eŭropon.

Se li komplikas proprajn klopodojn ilin kunigante kun la penso kaj kun la parolo, malfermiĝas nova haj pli mirinda kampo de funckioj. Ni supozu ke li nur diru: « Ho kiom mi enuas ». Tiuj ĉi malmultaj vortoj implikas rapidegan rigardon en la pasinto, intiman konsideron de l'estanteco, saĝan divenon de l'estonto. La objektoj kiuj lin ĉirkaŭas impresas la eksterajn sentojn; ĉi tiuj laŭlonge la konduktoro de la nervoj transdonas la ricevitajn vibrojn, al la centro de la sensacioj: la animo tiam ricevas (por tiel diri) la frapon; ekvidas ĝin; reenagas per propra volo; forprenas el la avertoj donitaj de la materio, la moralajn rilatojn, dank'al komplikitaj leĝoj de rememoro, komparoj, rezonadoj; decidas paroli, fiksas la esprimotan ideon; serĉas kaj trovas la vortojn; metas unu post alia laŭserie la literojn, kiaj kunmetas la vortojn, kaj per la nerva telegrafo ordonas al la lango, al la laringo, al la palataj arkaĵoj, al la lipoj kiuj interkonsente agigas siajn levilojn kaj plenumas tiom da malsamaj movoj el kiuj rezultas la mekanismo de la paroloo. Ĉiujn ĉi agojn, kiujn mi tiel mizere kaj konfuze provis presenti al vi, la plej naiva kaj inerta el la homoj plenumas per ordo, precizeco kaj rapideco kiuj venkas la penson. Nun vi komprenos kiom da saĝo estas enhavita en sentenco de antikva filozofo kiu kutime ekkriis; « Neniam mi estas tiom okupata kiel dum mallaborado ». Per tio ĉi li volis diri ke la funkcioj farataj pro naturleĝo estas tiel mirindaj kaj grandaj, ke malmulte aŭ nenio devas esti taksataj la aldonoj de la homa arto kiel ĝuste rezultas infanecaj malgrandaĵoj, la lageto kaj la monteto de la ĝardeno, kompare kun la Oceano kaj la Kordiljeroj. Kaj por kia prunto la homoj povos fieriĝi pro la mizeraj fruktoj de sia talento, se la plej bonaj aĵoj kiujn ili faras, ili plenumas tute same kiel la plej perfidaj Adamidoj? (Aŭ same kiel la tuta perfida Adamidaro).

*La feliĉegaj mallaboroj de l'Kato*

Ĉar estas juĝita absurda la ideo pri absoluta mallaboro, restas nur la filozofa mallaboro, kara privilegio de la estaĵoj kiuj en ĉi tiu mondo havas la mision ĝui la vivon; kaj en la unua vico inter tiuj staras la Kato. Dum la bona sezono ĝi estas kapabla pasigi la tutan tagon sur la domtegmentoj, kaj ĝui la puran aeron kaj la sunon, promenante sencele kaj sen direkto, kuŝiĝante dum multaj horoj en la kavaĵon de tegolo, en tia meza stato inter la dormo kaj la maldormo kiu estas la plena ripozo de l'korpo kaj de l'animo, kun sufiĉa konscienco por averti propran bonstaton: kaj tiu duonekstazo havas siajn dolĉegajn balanciĝojn el la posedo de la tuta inteligento ĝis al plena forgeso de ĉio en la brakoj de Morfeo. De la duona malfermo, de la fermo, de la malfermo, de la refermo de la okuloj oni komprenas la trairon tra tiuj ĉi malsamaj gradoj: el la duondormo al la dormo, kaj el la dormado al la dormeto, trairoj determinitaj de la pligranda aŭ malpligranda efiko de la plej malgravaj eksteraj sensacioj, de blovetkareso, de muŝa zumado, de la frapoj de la horoj en malproksima turhorloĝo. Tiel okazas al la varmetaj animoj kaj al lacaj korpoj komforte sidiĝintaj dum prediko: pro la senĉesa sono de tiu unutona voĉo, vualo etendiĝas sur la pupilojn; tiu ĉi maldensiĝas pro iu forta ekkria punkto aŭ pro la tintado de la monujo petanta la almozon, pli densiĝas pro la plifortigo de la argumentoj, kaj malaperas neatendite kiam ĉesas la sama voĉo kiu estis fariĝinta necesa kunulo de la dolĉeco de tiu trankvila dormeto.

Rekonsciiĝinte la de tiu rava mallaboro, Kato sentas la neceson ŝanĝi pozon, movi la membrojn, repreni novan forton, ripozante, por tiel diri, je tiu ripozo. Pro tio ĝi kunruliĝas, kunvolviĝas, baraktas, tute distiriĝas, ĝibiĝas kaj sin desegnas laŭ graciaj elegantegaj sintenadoj kiuj sufiĉus al la gloro de pentristo kapabla ilin reprodukti per evidenteco: ĉio intermetita de longaj, plenaj kaj bongustaj oscedoj. Tiu lasta fenomeno formas por si mem grandan laŭdmotivon, ĉar la oscedo estas privilegio de la bestoj havantaj akran intelekton kaj la plej granda de la homo kaj precipe de la homo plej alte civilizita.

*(Daŭrigota)*

kuracejo jaron post jaro. Komence ĉefe por pulmmalsanuloj kaj en aŭtuno por vinberkuraco, ĝi en lasta tempo fariĝis internacia luksa kuracejo, kies vizitantaro rapide kreskas. Multnombraj hoteloj estas kreitaj kaj zorgas por la oportuneco kaj bonfarto de la gastoj en plej bona maniero. Nova bone direktata teatro, ĉiutagaj koncertoj de bonega orkestro, koncertoj de famaj artistoj, balfestoj, la originalaj « Meranaj popoldramoj » diversaj sportaj konkursoj sur la granda sportplaco, en plej nova tempo ankaŭ vintra sporto en proksima Vinĉgaŭ zorgas por amuzo kaj distro.

Belegaj promenadejoj kaj publikaj ĝardenoj invitas por promenadi, kiel la « Giselopromenejo » al la bordo de la bruanta « Passer », la ombra somerĝardeno, la nekomparebla « Gilf », la « Tappeinervojo », kies serpentoj al la deklivo de l' « Küchel » monto suprenkondukas, kaj de kie oni ĝuas belegan perspektivon al la urbo kaj la vasta « Eĉvalo » ĝis al la malproksima sudo kie la akra pinto de la « Mendel » kaj la « dolomitoj » superstaras en la blua nebulo. Bonaj stratoj kaj vojoj kondukas en la ĉirkaŭaĵon, elektraj tramoj veturas tra la urbo kaj komunikigas ĝin kun diversaj najbaraj lokoj kaj donas, okazon por multe da ekskursoj en la bela naturo, kies ĉarmon precipe en printempo neniu forgesas.

Sed ne nur en la aŭtunaj kaj vintraj monatoj Meran estas multe vizitata; ankaŭ en somero, alvenas multaj turistoj, kies nombro, precipe de la konstruo de la Vinĉgaŭfer vojo rapide kreskis, por sin refreŝigi ĉe la majestaĵoj de l'altmontaro.

S. KUNERTH (Del. Meran).

# La Faktoj

17 januaro. — VENEZIO. — En la preĝejo de Campo oni ŝtelas faman pentraĵon de Petro Luzzo, dirita la *Moro de Feltre*.

BUDAPEŜTO. — Grafo Khuen Hedervarg starigas novan ministraron.

19. LON ANGELES. — Paulham flugas en aeroplano kune kun sia edzino 42 mejlojn.

22. PARISO. — Superakvo de rivero Seine, kun gravegaj danĝeroj.

MADRIDO. — Grandaj festoj al la soldatoj revenantaj de Melilla.

26. ROMO. — Estas elektitaj 33 novaj senatanoj.

28. KRISTIANIO. — La reĝo de Norvegujo komisias la prezidanton de la Storthing, S-ro Konow, formi novan ministraron.

29. GRASSE. — Mortas fama svisa verkisto Edvardo Rod. — AMIENS. Mortas la vidvino de Julio Verne.

30. ROMO. — Esploristo Sven Hedin faras alparoladon pri sia vojaĝo trans la Tibeta plataĵo.

A. TELLINI.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Komisionoj.*

La diversaj komisionoj de U. E. A. estis ĝis nun formitaj kiel sekvas:

a) *Financa komisiono.*

S-ro Th. Rousseau, financa fakestro. S-ro Stromboli, Del. en Genova. — A. Tuke Priestman, Del. en Bradford. — Ed. Stettler, sekr. de financa fako. — A. Vogler, Del. en Hamburg.

b) *Komerca komisiono.*

D-ro M. Kandt, komerca fakestro. — P. Cazeaux, Bordeaux. — J. Balliman, komerca konsulo en Parizo. — Ph. Kaliski, Del. en Londono, komercisto. — St. Szabuniewicz, Del. en Moskvo, komercisto. — St. Rudnicki, Del. en Krakow. — A. Vogler, Del. en Hamburg.

c) *Turisma komisiono.*

S-ro J. Schmid, turisma fakestro. — P. Cazeaux, Bordeaux. — H. Nüsslein, Del. en Regensburg, inspektoro ĉe la fervoja direkcio. — G. de Coninck, Del. en Le Havre. — A. Ploussu. Del, en Grenoble. — Ed. Parker, Subdel. en Londono.

d) *Junula komisiono.*

F. Rockmann, junula fakestro. — E. Wichert, konsulo en Berlino. — G. H. Backman, Del. en Helsingborg. — P-ro D-ro S. Lederer, Praha. — Th. Čejka. Del. en Bystrice-Hostyn, red. de Pedagogia Revuo. — Abato Richardson, konsulo en Bruselo, profesoro.

Kiel jam dirite tiuj komisionoj havas la taskon helpi la fakestron, ellabori projektojn por sia fako kaj ekzameni la proponojn rilatajn al tiu fako. Inter la membroj de ĉiu komisiono ĵus estis starigita rondirante kajero, kiel por la komitato de U.E.A.

*Etato de la Esperantianaro.*

Je la 5ª Februaro la etato de la membraro de U. E. A. estis jena:

| | |
|---|---|
| Membroj por 1909 . . . . . . | 5.060 |
| Eksiĝoj, nerepagoj por 1910 . | 356 |
| Restas . . . . | 4.704 |
| Novaj membroj por 1910 (ne membroj dum 1909) . . . . | 945 |
| Sumo de la membroj . . . | 5.649 |

(Je la 5ª Januaro estis 5.462).

*Esperantiaj markoj.*

Ĉar kelkaj landoj, speciale Britujo, ne akceptas leterojn kun privataj markoj sur la adresflanko, ni petas, ke por eviti malagrablaĵojn, la uzantoj de la Esperantiaj markoj gluu ilin sur la dorsflanko de siaj korespondaĵoj.

*Novaj Delegitoj.*

Ĝis la 7ª de Februaro estis elektitaj la jenaj Delegitoj:

ARTA (Grekujo). — S-ro D. G. Konstandopulos.

ATENO (Grekujo). — S-ro Miĥalo Durutti, Jonia Banco Std.

BOULOGNE-SUR-SEINE (Francujo). — S-ro L. Charpentier, 112, Av. Victor-Hugo.

CAMBRIDGE (Anglujo). — S-ro G. Reynolds, 193, Mill Rd.

CIUDAD BOLIVAR (Kolombio). — S-ro L. A. Grillet, Calle Constitution.

GUANTANAMO (insulo Kubo). — S-ro J. Rigol Panella, Poŝto 8.

KUKLENY (Bohemujo). — S-ro H. Kneifle.

LISKO (Galicio). — S-ro D-ro A. Godlowski (Subdel. depend. de Krakow).

MALINES (Belgujo). — S-ro L. Van Peteghem, rue Notre-Dame, 31.

NOROMINSK (Polujo). — S-ro J. Chanrouski.

OTNAHA (Usono, Nebraska). — S-ro W. B. Howard.

PYRGOS (Grekujo). — S-ro Mario Tzontas, ĉe N. Tzentas.

TORO (Hispanujo). — S-ro F. Figueras (Subdel. depend. de Zamora).

TRUTNO (Bohemujo). — S-ro J. Silhart.

VALLADOLID (Hispanujo). — S-ro I. Nuez y Villarroya, Moros 4, pral.

WURZEN (Saksujo Germanujo). — S-ro R. W. Schaal, Querstr., 40.

Entute 813 lokoj.

ŜANĜOJ. — ALGER: Anstataŭ S-ro Benoit, forloĝiĝinta, S-ro V. Dufeutrel, 34, rue Dupuch, estas Del. — BLAIR: La Vicdel, estas S-ro H. Skov Nielsen. — KRAKOW: La Vicdel. estas S-ro J. Kriss. — LEIPZIG: La adreso de la Vicdel., S-ro Jannatsch, estas Johanngeorgstr. 23. — LEITH: Anstataŭ S-ro J. Robbie, S-ro P. Stalker (7 Marton St.), ĝis nun vicdel., fariĝis Del. — LILLE: La nova adreso de la Del., S-ro L. Tronquez, estas 6, rue des Fossés. — MILANO: Anstataŭ S-ro P. Padulli, forloĝiĝonta, S-ro Luciano Cattorini, Via Santa Maria Fulcorina. estis elektita Del. — NUITS: S-ro C. Monet, impasse du Pont, estis elektita vicdel. — PATRAS: S-ro A. Karameros, Grand Hôtel d'Angleterre, estis elektita vicdel. — RADEBEUL: La nova Del. estas S-ro Kempe, Kaiser Wilhelmstr. 6. — SANKT-GALLEN: Anstataŭ S-ro Schauenberg, forloĝiĝonta, S-ro H. Rurssteiner, Lamlisbr. 60, estis elektita Del. — SIENA: La adreso de la Del., S-ro C. Monti, estas Via Ricasoli 24 p. u.

CINCINNATI (Usono) kaj SAINTES (Francujo) estu forstrekataj el la Jarlibro (morto de la Del.)

### ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

BELGRADO: *Manufakturo Marko Demajoroviĉ*, knez Mihailova.

LORIENT: *Esperanta Grupo.*

POITIERS: *Esperanta grupo.* D.: Fréchet. S.: Lto Liton.

ROTTERDAM: *Granda Hotelo Coomans.*

*Rotterdama Ilokomerco*, Van Meggelen, Nieuwe Markt II.

Entute 115 Esperantiaj entreprenoj.

*Por Administra Fako,*
H. HODLER.

### FAKO ESPERANTO OFICEOJ

*Novaj Esperanto-Officeoj.*

Ĝis la 5ª Februaro la jenaj novaj Esp.-Oficeoj estis enregistrigitaj:

BÉZIERS (Francujo). — S-ro A. Carles, Granda Bazar, rue du Quatre-Septembre.

BLAIR (Usono). — S-ro Nielsen, Fifth and Front Streets (p.).

CHUR (Svisujo). — S-ro J. Rich, librejo, Martinsplatz.

CORDOBA (Hispanujo). — S-ro A. Morales, papervendejo, Gondomar 7.

GERA (Germanujo). — S-ro J. Schmid, Heinrichstr. 34.

HARMANLI (Bulgarujo). — S-roj Penev, Librejo (p.).

KARLSRUHE (Germanujo). — S-ro H. Bode, Kaiserstr., 235 (p.).

Entute 216 Esp.-Oficejoj.

### BALOTADO DE LA DELEGITOJ (1)

*Rezultatoj ĝis 5 Februaro*

La unua cifero montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj, la cifero post la nomo la nombron de voĉoj ricevitaj. La nomoj italike presitaj estas novaj Del. aŭ Vicdel. D.: Delegito; V. D.: Vicdelegito.

MOSKVO 117, 60. — D.: S. Szabuniewicz, 60. — VD.: R. Mencel 59; G. Smirnov, 1.

SAMOS 20, 20. — D.: D-ro Stamatiadis 20. — VD.: *D-ro Sotirios Fokos 20.*

TIFLIS 43, 21. — D.: A. Fiŝer 14; F-no Pavlov 5; V. Kolubakin 1. — VD.: *F-no Pavlov 7*; S-ro Asaturov 5; Kolubakin 2; Sviunjan 2; Astvacaturov 1; Jankovski 1.

SABADELL I, 28, 13. — D.: Torruella 13. — VD.: *P. Oriadi* 13.

SABADELL II, 22, 16. — D.: R. Martorell 16. — VD.: *Grandpera 16.*

KRAKOW, 32, 23. — D.: S. Rudnicki 23. — VD.: *J. Kriss*, 23.

MUNHENO, 48, 48. — D.: J. Krumbach 48. — VD.: J. Meiler, 48.

PATRAS, 20, 7. — D.: P. Bünemann, 6. — VD.: *A. Karameros*, 5.

AMSTERDAM, 29, 16. — D.: W. Nutters 13; W. F.: A. Mudde, 2; K. Groen 1. — VD.: *W. F. A. Mudde 9*; K. Groen 8.

BARCELONA II, 20, 18. — D.: *J. Sola Bores*, 13; F. P. Magrane 1; J. Bausells 1. — VD.: *J. Montfort Boix 15*; M. Fernandez 1.

(*Daŭrigota.*)

# VARIETEA MONDO

La 1an de Februaro la Oficejo de Varietea Esperantista Ligo translokiĝis al *Leipzig* (Saksujo).

Ĉiujn sendaĵojn oni bonvolu adresi al S-ro Otto Linse, Kurprinzensts, 22 III. *Leipzig* (Saksujo).

# Kongreso de U. E. A.

**AUGSBURG (Bavarujo)**

*1-6 Aŭgusto 1910*

Ni jam nun povos liveri kelkajn informojn pri la Unua Kongreso de U. E. A., kiu okazos en *Augsburg*, laŭ decido de la Komitato.

La dato elektita estas de la *1ª ĝis la 6ª de Aŭgŭsta 1910*, kiu koincidas plej ĝenerale kun la libertempaj periodoj en ĉiuj landoj; ĝi ankaŭ permesos, ke la Kongresanoj povu poste partopreni je la Esperantista Kongreso de Washington.

Tiu Kongreso estas speciale difinita por *Eŭropo;* alia por *Ameriko* okazos samtempe kun la Esperantista Kongreso en Washington.

La celo de nia Kongreso estas diskuti ĉiujn proponojn prezentitajn de Esperantianoj kaj elmeti pri ili ĉu projektojn de regularo poste submetotajn al la voĉdonado de ĉiuj Delegitoj, ĉu deziresprimojn, laŭ kiuj la Komitato mem pli malfrue ellaboros regularon. La regularoj kaj deziresprimoj akceptitaj en la Kongreso de Augsburg estos poste submetataj al la kunvenoj de U. E. A. en Washington kaj poste, laŭ la Statuto koresponde voĉdonos la Delegitoj. La rajtoj de la du kunvenoj (Eŭropa kaj Amerika) estas do tute egalaj,

La Kongreso de U. E. A. en Augsburg estos antaŭ ĉio labora kunsido, en kiu estos pritraktataj gravaj demandoj rilataj al la agadkampo de nia Asocio.

Gi estos pure *Esperantia* Kongreso, t. e. Kongreso laboranta *per* Esperanto, sed ne por Esperanto. Laŭ tiu principo, krom la kunvenoj de U. E. A. okazos en apartaj tagoj kunvenoj de Esperantiaj Asocioj aŭ Entreprenoj, kiuj deziras uzi tiun favoran okazon por kunigi siajn membrojn. Ekzemple, ni jam de nun povas informi, ke la *Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio* (T. E. K. A.), kiu kalkulas pli ol mil diverslandaj kuracistoj, kunvenos en Augsburg, samtempe kun nia Kongreso. Espereble aliaj fakaj organizaĵoj ĝin imitos. Tiuj, kiuj deziras kunveni en Augsburg bonvolu tuj de nun sin turni al la centra oficejo de U. E. A.

La loka organizado de la Kongreso estis komisiita al *Kongresa Komisiono*, kies sekretario estas Sro Beideck, Del. de U. E. A. La aranĝo de la programo, tagordoj, kunvenoj reklamo, gazetaro, k. t. p. estos prizorgataj de la administra fako de U. E. A.

Niaj membroj povos tre baldaŭ aliĝi, ĉar post nelonge aperos la Kongreskartoj. La prezo de la *Kongreskarto* rajtiganta je ĉestado en la kunvenoj kaj senpaga ricevado de la Kongresdokumentoj estos *3 Sm.* Krom tio estos eldonataj *helpkongresaj kartoj* de *1 Sm.* por la personoj, kiuj kvankam ili ne povos veturi al la Kongreso, deziras tamen ĝin subteni finance. Tiuj personoj senpage ricevos la Kongresdokumentojn. Ili cetere ĉiam povos poste mendi Kongreskarton, pagante aldonon da 2 Sm.

En monato marto aperos krom la Kongreskartoj aliĝiloj, kiuj estos sendataj al la Delegitoj por disdonado en ilia regiono. De la proksima monato oni do povos aliĝi kaj ni esperas, ke niaj amikoj faciligos al ni la laboron frue mendante sian Kongreskarton. Pri loĝejoj kaj vojaĝoj aperos detaloj pli malfrue.

La *provizora* Kongresa programo estas starigita kiel sekvas:

*Lundo* 1 Aŭg. — Akcepto al la Kongresanoj. Solena malfermo de la Kongreso.

*Mardo* 2 Aŭg. — 1ª Agada Kunveno (pri administra fako).

Ptmeze. — 2ª Agada Kunveno (pri financa fako).

*Merkredo* 3 Aŭg. — 3ª Agada Kunveno (pri konsuloj & Esp.-Oficejoj).

Ptmeze. — 4ª Agada Kunveno (pri turismo).

*Jaŭdo* 4 Aŭg. — Komuna ekskurso.

*Vendredo* 5 Aŭg. — 5ª Agada Kunveno (pri komerco).

Ptmeze. — 6ª Agada Kunveno (pri junuloj).

*Sabato* 6 Aŭg. — 7ª Agada Kunveno (legado de la deziresprimoj).

Ptmeze. — 1ª Kunveno de T. E. K. A.

*Lundo* 7 Aŭg. kaj *Mardo* 8 Aŭg. — Kunvenoj de T. E. K. A. kaj fakaj organizaĵoj.

Okazos do du kunvenoj tage, matene kaj posttagmeze, la vesperoj estos liberaj, krom unu dediĉota al festo kaj eble alia al parolado.

Ni atentigas, ke la Kongreso estas difinata ne nur por Delegitoj kaj Konsuloj, sed por ĉiuj membroj, kiuj havos rajton partopreni ĉe la kunvenoj. Nur la voĉdonrajto estos rezervata al Delegitoj.

Ĉiuj Delegitoj aŭ membroj, kiuj dezirus prezenti proponon al la Kongreso, bonvolu de nun ĝin pretigi. Ili verku mallongan raporton pri ĝi kaj ĝin akompanu ĉu per projekto de regularo, ĉu per deziresprimo, laŭ kiu la Komitato ellaboros projekton de regularo. Ni insistas pri tio, ke la raportoj devos esti redaktataj laŭ praktika vidpunkto kaj enhavi precizajn proponojn.

Ĉiuj proponoj estu adresataj al la centra Oficejo de U. E. A. kiel eble plej baldaŭ. Ili estos submetataj al la Komisiono de la kompetenta fako, laŭ kies laboroj la Komitatano siaflanke verkos raporton. Ĉiuj proponoj submetotaj al la Kongreso estos publikigataj en « Esperanto » almenaŭ ses semajnojn antaŭ la Kongreso. Aliparte la Administra fako preparas de nun regularon pri la Kongreso, tiel ke niaj laboroj estu plenumeblaj en precizaj formoj.

LA ADMINISTRA FAKO.

**La unua Kongreso de U. E. A. (por Eŭropo) okazos en Augsburg (1-6 Aŭgusto 1910).**

# REKLAMO

## TARIFO

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Unu paĝo* . . | $ 240 | *1/8 kolono* . | $ 5 |
| *Unu kolono* . | 40 | *1/16* — . | 2.50 |
| *1/2* — . | 20 | *1/24* — . | 1.75 |
| *1/4* — . | 10 | | |

*Rabato da 10 % por 3 reklamoj, 25 o/o por 12 reklamoj; 50 o/o por 24 reklamoj.*

*Nenia alia rabato aŭ prezo konsentata.*

Sin turni al la *Administrejo*, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo) aŭ al la *ĝeneralaj agentoj:* G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris;* Presejo de Esperanto, 15, rue Amiral-Roussin, *Dijon* (Francujo); C. kaj G. Browne, Wellington St., Strand, *London* (Anglujo); Germana Esperanto-Librejo, Rathausstr, *Leipzig* (Germanujo); Traduka Oficejo, 6 Schleinitzstr, *Bromberg* (Germanujo); Librejo Saĥarof, Tverskaja 29, *Moskvo* (Rusujo).

**ESPERANTO** *estas la plej bona internacia reklamilo por ĉiuj komercistoj, industriistoj financistoj, aferistoj,*

*Ĉar ĝi estas la plej legata el ĉiuj Esperantaj gazetoj,*

*Ĉar ĝi havas legantojn en 44 landoj de l'terglobo,*

*Ĉar ĝi estas la oficiala organo de U. E. A. kaj estas uzata de ĉiuj Delegitoj, Konsuloj, Esperanto-Oficejoj.*

*Ĉar ĝi estas gazeto, kiun oni zorge konservas, kies ĉiun numeron legas ne unu persono, sed multaj, ĉe la kursoj, grupoj, k. a.*

*AVIZO. — La Administrejo serĉas en ĉiuj lokoj bonajn reklamo-makleristojn. Oni sin turnu al ĝi pri la kondiĉoj kaj pluaj informoj.*

# *ANONCETOJ*

## TARIFO

KORESPONDADO. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj;* L = *leteroj;* PM = *poŝtmarkoj.*

PETOJ & PROPONOJ; KOMERCAJ REKLAMOJ. — *Unu linio (40 literoj: $ 0.15 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj anoncetoj, rabato da 10 % por 3 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj, 50 % por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

### Korespondado

KŒNIGSBERG (Preusen, German.). — T. Schwaiger, Slochmaisterstr., n° 15, P. I.

PARC-SAINT-MAUR (Francujo). — S-ro Vanderrielle, 56, rue du Petit-Bois, PI. (kun ne francoj).

RAUMO (Finlando). — S-ro T. Neuman, PI., PM., L.

ODENSE (Danujo). — S-ro Martin Hansen, Overgade, 22, PI.

PLEVNA (Bulgarujo). — S-ro Jacob Léon (Jeroham), PI., L.

PLEVNA (Bulgarujo). — S-ro Daniel Jos. Beraha (brachnar), PI., (pri socialismo).

DRESDENO (Germanujo). — S-ro Willy Fiedler, Hechtstr., 64, PI.

BOGORODSK (Moskovskoj gub., Rusujo). — S-ro Sergej Emelianor, PI., Fabriko de K-o Bogorodsko-Gluĥovskoj PI. (kun junaj ge-espinoj).

NAZLY (Turkujo Azia). — S-ro D-ro Er. Efelido, PI.

NAZLY (Turkujo Azia). — S-ro Per-Mosmolo, PI.

WAGANIEC (Rusa Polujo). — S-ro Stanislavo Gluchovski, instruisto (kun balkan-slav. kaj neŭropanoj pri instruado kaj agrikulturo), PK. L.

ODENSE (Danujo). — S-ro L. Andersen, Frederiksgado, 48, PI.

SABADELL (Barcelono, Hispanujo). — S-ro Matias Girabau, 34, s-to Kiriko str. PI. L.

SABADELL (Barcelono, Hispanujo). — S-ro Marti, Peig-Manreŝo, 89, PI. L.

NADEĴDINSK (Permskoj Gub Rusujo). — S-ro Vasily Beloglazov, PI.

LEITMERITZ (Bohemujo). — Friedrich Schack, Langegasse, 31, PI.

NAZLI (Turkujo Azia). — S-ro N. Djimopulos, PI.

BASEL (Svisujo). — S-ro Fred Schmutz. Pfeffingerstrr., 65. LP. M. PL.

NAZLI (Turkujo Azia). — Armen garo, PI. PM. L.

HALBERSTADT (Germanujo). — S-ro H. Berthold, Harzstr., 14, PI.

CHALON-SUR-SAONE (Francujo). — L. Buisson, 21, Aven Boucicaut PI. PM. (gazetoj).

DANVILLE (Penn'a, Usono). — S-ro Curtis B. Lore, 111, W. Marketstr. PI.

PROSTEJOV (Moravio Aŭstrio). — S-ro Kaiser Miloŝ, kostelecka, strato, 15, PI.

CHALON-SUR-SAONE (Francujo). — S-ro Kustand, caporal au 56e infanterie, 11e compagnie, PI. PM. L.

LE MANS (Sarthe, Francujo). — S-ro H. Bouzianne, 29, rue de Bel-Air, PI. L.

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

MILANO (Italujo). — S-ro E. Castoldi, viale Volta, 8 (pri teatraj aferoj).

PECKA (Bohem. Austrio). — S-ro Josef Krĉmarik, 5, PI.

KARLIN (Bohemujo, Austrujo). — S-ro Vaclav Kripaer, kral. tr. 59, PI.

DERBYSHIRE (Anglujo). — S-ino R. Walter, Spring Villas Birch Vale, PI. L.

RIO-DE-JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Magnus Sœndhal, Rua do Hospicio No 240, 1o andar (Fondinto de l'ortologio), L. PI. (kun ĉiuland. geesperantistoj).

# Esperanto-Movado

*Germana Esperantisto*, februaro, 1910, No 12.

*Paroladoj* estis faritaj en Augsburg, Berlin. — S-ro Tietsch kaj Schiff, Charlottenburg; S-ro Wichert, Chemnitz; S-roj Fabian, Sommer (20), Dresden, S-ro Prof. Scheffler, Frenckell, Rohrbach, Lederer, Erfurt, S-ro Prof. Rochrbach, Esslingen, S-ro Christaller, Godesberg, S-ro Arntz, Hamburg, Altona, S-roj D-ro Mybs kaj R. de Ladeveze, Kassel; S-ro Starck, Magdeburg, Leipzig; S-ro D-ro Dietberle, Lœssnitz, C. Dresden, S-ro Elb, Lübeck; S-ro D-ro Mœbusz; Oldenburg, Plauen; S-ro Guido Otto, Schweidnitz; S-ro Schulz, Sttetin, S-ro Franz, Stuttgart; Leyrer, Sittaŭ.

*Kursoj* estis maltermitaj en: en Braunschweig, Danzig, Essen, Godesberg, Kassel, Leipzig, Nowawes, Weimar.

*Grupoj* estis fonditaj en: Benz, Berlin, Chemnitz, Cœthen kaj Konstantinopplo la unua germana esp. grupo de la eksterlando.

*Franca Esperantisto*, februaro, 1910, No 2.

*Paroladoj* estis faritaj en Argentan, S-ro Th. Cart; Boulogne-sur-Mer, S-ro A. Michaux; Poitiers, S-ro Prof. C. Bourlet; Pont-de-Vaux, S-ro Maublanc.

*Kursoj* estis malfermitaj en Compiègne, Le Creusot.

*Grupoj* estis fonditaj en Poitiers, Pont-de-Vaux kaj Rigny-le-Ferron.

*The British Esperantist*, februaro, 1910, No 62.

*Paroladoj* estis faritaj en Londono, S-roj G.-J. Cox, W. Mann, E. Parker, Mudie; Cheltenham, S-ro D-ro Pollen; Plimouth, S-ro Law.

En Londono S-ro Fooks malfermis Esp. kurson kun 90 personoj.

*Juna Esperantisto*, januaro, 1310, No 11.

Aperis en nova tre bela formato; ĝi enhavas interesan artikolon de nia konata samideano Ed. Privat, en kiu li avizas, ke la redaktadon de « Juna esperantisto » prenis sur sin S-ro Paul de Lengyel. Al multaj el niaj esp. la nomo de S-ro de Lengyel estas bone konata; ĝi povu garantii, ke tiu gazeto enhavos tre interesan kaj vere esp. verkojn. En la listo de la ĉefaj kunlaborantoj de la nova « Juna Esperantisto » ni havas tre allogajn nomoj. Sufiĉus tamen se ni citas kelkajn el ili, kiel ekzemplo! D-ro Kabe, Cart, Corret, Frenkel, Grabovsky, Hankel, Hodler, Privat, k. t. p. Ni tre rekomendas al ĉiuj niaj legantoj aboni « juna Esperantisto »; ĝi estas speciale interesa por la esp. junularo, ĉar ĝi donos al ĝi vere, klasikan artikolaron. Aliparte ni kore salutas nian junan kunfraton kaj ĝian novan redaktantaron.

*Le Monde Esperantiste*, januaro, 1910, No 2.

*Paroladoj* estis faritaj en Avignon, S-ro D-ro Laval; Firminy. S-ro Drudin; Lyon, S-ro Godart, Drudin, Croizier, Deronzières, k. t. p.; Roubaix-Tourcoing, S-ino E. Loret; Tarare, S-ro Drudin; Villefranche, S-ro Drudin.

*Kursoj* estis malfermitaj en: Alençon, Chambéry, Firminy (2), Tarare, Tuniso, Villefranche (2); grupo estis fondita en Taverny.

*La Ondo Esperantisto*, januaro, 1910, No 1.

Aperis en formato de broŝuro. Ĝi enhavas interesan resumon pri la movado en Rusujo dum 1909. Dum la kongreso de kuracistoj — terapiistoj en Moskvo estis aranĝita esp. ekspozicio. Dum la XIIª kong. de rusaj natur-esplorantoj kaj kuracistoj. D-roj Cvetajer kaj Kirilov estis faritaj raportoj pri esp., kiuj elvokos la simpation de la kongresanoj al nia ideo. En la unua numero de la ĵurnalo *Virina Mondo* aperis artikolo pri esp.; en la sama ĵurnalo komenciĝas kurso.

D-ro Perott malfermis kurson en Irkustsk, kiun sekvas 93 personoj. Alia kurso en la sama urbo estas gvidata de S-ro Lerkochlakov; nova grupo estas fondita en Stavropol. La feston, okaze de la 50 jara datreveno de nia Majstro, organizitan en Tiflis ĉeestis preskaŭ 700 personoj.

*Rund um die Welft*, frebruaro, 1910, No 2 (Prag-Weinberge, Nerudagasse, 4, Bohemujo). Nova gazeto, redaktata de Prof. Lederer.

*Gazeto-Andaluzujo*, januaro, 1910, No 1 (Munoz Torrero, 10, San Fernando (Cadiz), Hispanlando). Nova gazeto. Grupoj estis fonditaj en Geronaj Kadizo kaj Arboleda. En Kadizo, Sro Garzon malfermis kursojn.

*Finna Esperantisto*, No 11, 12, 1909.

La lasta kunveno de la finnaj samideanoj pli kuraĝigis la ĉitieajn samideanojn. La ĵurnalo aperas en bela formato. Ni deziras al la finnaj kunbatalantoj, ke ili sukcese daŭrigu nian aferon.

*Burgonia Stelo*, januaro, 1910, No 2.

Bulteno de la Burgonia Federacio; ĝi estas tre interesa dokumento. Prof. Bord, prezidanto de la federacio raportas pri la agado de la federacio dum 1909 kaj pri ĝiaj projektoj por 1910. Ĝi estas vere imitinda ekzemplo.

Kelkaj artikoloj pri Burgonio aperis en esp. ĵurnaloj, kiuj elvokis informpetojn pri Burgonio kaj ĝiaj vinberejoj de multaj esp.; gvidfolio estis eldonita de la grupo de Louhans sub la aŭspicioj de U.E. A. Nova serio de la gvidlibro de la departemento Ain, estis dissendita de la iniciativa sindikato de la suprenomita departemento kaj disvastigita por U. E. A., kio altiris multajn informpetojn al la delegitoj de U. E. A. Kelkaj esp. venis eĉ loĝi tien. Okazis interŝanĝtoj de junuloj inter S-ro Himbert el Vosne-Romanée kaj S-ro Stark el Magdebourg. Alvenigo de polaj laboristoj Francujon dank'al U. E. A. kaj la federacio. Vojaĝo de junulo. stipendiita de la Asocio tra Svisujo, Germanujo kaj Italujo. Kiel rezultato de ĉio supredirita devenas, ke la nombro de la grupoj plialtiĝis de 18 ĝis 20. La nombro de la membroj pligrandiĝis de 1150 al 1300. Multaj kursoj estas regule sekvataj. Multaj paroladoj estis faritaj dum tiu tempo. Por la jaro 1910, oni intencas eldoni kelkajn gvidfoliojn. Dum monato Majo okazos *kongreso* de la Burgonia Federacio en Le Creusot. Ĝi daŭros tagoj. Ĝi esperigas sukceson, dank'al la helpo jam akirita nome: de la Urbestraro, kiu voĉdonis monhelpon da *500 fr.*, kaj kiu akceptos la Esperantistojn en la urbdomo; de la muzikaj societoj de la urbo, kaj de la bonvolaj geartistoj Creusot'aj kaj burgonjaj.

La programo jam fiksita konsistas el jeno:

*Sabaton:* Vizito de l'fabrikejoj Schneider kaj Kio speciale aranĝita por la geesperantistoj.

Granda koncerto, dum kiu oni aŭdos la himnon *La Espero* (Zamenhof-de Ménil) kvarvoĉe kantata de unu cento da geĥoristoj akompanataj de orĥestro. Tute familia balo sekvos la koncerton.

*Dimanĉon;* Oficiala akcepto de la gesamideanoj, en la urbdomo, de la Urbestro mem, kaj labora kunsido de la Federacio; granda Festeno; spektaklo aranĝota.

La urbestraro de Louhans voĉdonis sekvantan rezolucion:

« Konsiderante, ke la multeco da lingvoj estas baro por la interkomunikiĝo de popoloj; ke estus bone, se unu lingvo estus uzata pur la interrilatoj, kondiĉe, ke ĝi estu neŭtrala, facila kaj riĉa; konsiderante, ke Esperanta plenumas ĉiujn tiujn kondiĉojn, ke ĝi estas jam pruvita: ke ĝi estas uzata de miloj da homoj de ĉiuj landoj civilizitaj, k. t. p... Ĝi esprimas la deziron, ke Esperanto estu enkondukita en ĉiujn publikajn lernejojn. Paroladoj estis faritaj en Chalon, D-ro Fromageot; Beaune, D-ro Fromageot.

Grupoj estis fonditaj en Villeneuve-la-Guyard, Pont-de-Vaux, Ladoix-Serrigny, Chalon.

Kursoj estis malfermitaj en Auxerre.

*La Revuo*, februaro, 1910, No 6.

En ĝi aperas nun la Proverbaro-Esperanto de D-ro Zamenhof.

Du italaj gazetoj *Illustrazione Militare Italiana* (103, via Tomacelli, Roma) kaj *Il Bibliofilo Militare* (La Militista bibliofilo) (via Cavour 101, Roma) enhavas specialan esperantan parton.

* * *

De niaj korespondantoj ni ricevis jenajn informojn. El S-ro Abato Richardson el Bruselo:

La Esperantista Grupo de la Brusela Poliglota Klubo, bone progresas; dum la lasta monato pluraj novaj membroj aliĝis. Du novaj grupoj petis la permeson ĝi korespondantaj grupoj; do, la grupo havas nun 25 korespondantajn grupojn. Nova kurso komencis je la 15 de januaro; oni anoncas en la Bulteno de la Klubo 4 novajn paroladojn por la februara monato. La Esperanta grupo estas nun la sola societo, kiu okupas sin pri lingvo internacia en la Poliglota klubo. La partianoj de alia lingvo internacia de post du monatoj ne plu kunvenas.

* * *

*La 3ª Brita Kongreso* okazas la 14, 15, 15 de majo. La kongreso okazos en la urbodomo, kiu enhavas « unu el la plej luksaj kaj elegantaj ĉambregoj el tuta Anglujo ». Oni invitas la la tutmondan esperantistaron viziti tiun kongreson.

S-ro Vermaas el Rotterdam (Holando) skribas:

En Rotterdam komencis kurso en esperanto de la konduktoroj de la urba elektra tramo. Imitinda ekzemplo (adreso: S-ro J.-B. Stolk, cefkonduktoro. Ruilstraat, 105 a. Rotterdam.)

S-ro Besecke, el Dresden (Germanujo):

Lr disvastiĝo de nia movado vigle marŝas anatŭen. Nia senlaca propagandisto S-ro L. Schlaf diligente varbas novajn adeptojn el la germana laboristaro. Merkredon, la 26an de januaro en « Volkshaus », li kunvenigis pli ol cent personojn, kiuj fervore nun lernas nian lingvon.

Grupo « Fajrero », el Rusĉuko (Bulgarujo).

S-ro Atanassow, prez. de la grupo faris paroladon, post kiu oni malfermis kurson, kiun sekvas 320 personoj. Alia kurso estas malfermita en gimnazio.

# BIBLIOGRAFIO

*Doktoro Jekĥ kaj Sinjoro Hyde*, de R.-H. Stevenson, tradukita de W. Morrisan kaj Mʙnn.

Ĉi tiu verko estas unu el la plej rimarkindaj de l' fama stilisto angla Robert Louis Stevenson. La historio, kiun ĝi en plej trafa kaj atentonkatenanta maniero prezentas, estas unu el la plej strangaj, kiun iam elpensis homa cerbo. Per majstre lertaj vortobildoj la aŭtoro vidigas al ni la malvolviĝantajn fazojn de misteroplena okazaro, ĝis la fina deklaro de l'malfeliĉa Harry Jekyll — en profunde interesa ĉapitro — malkaŝas la tutan enigmon.

Ĉiu samideano, kiu volas legi bonstilan Esperantaĵon, kaj samtempe ĝui unu el la plej originalaj verkoj en la angla literaturo, devas aĉeti ĉi tiun tradukon.

Ricevebla ĉe Brita Esperanto-Asoçio.

*Tekstaro de bonkonataj britaj kantoj.* — Kunigitaj de F-no Ad. Ŝefer, prezo 12, Ld. Ricevebla ĉe Brita Esperantisto-Asocio.

*Privata kaj komerca korespondado en Esperanto* kun klarigoj de F. Stephan (kollektion Esperanto Band C.). Prezo 50 Sd. Ricevebla ĉe C. Naumburg, Verlag, Kœnigstr. 11, Leipzig, Germanujo.

*Toni*, dramo en 3 aktoj de Th. Kœrner, esperantigita de Th. Stephan. Prezo 50 Sd. (kollection Esperanto Band. 7). Ricevebla ĉe C. Naumburg, Verlag, Kœnigstr., 11, Leipzig, Germanujo.

*Konataj Medicinaj produktoj fabrikitaj de Burroughs Wellcome kaj Ko.* Komerca reklamo. Ricevebla ĉe la suprenomita firmo, kies adreso estas: Snow Hill Brildings, London, E.-C., Anglujo.

S. S.

**Ĉiuj suprerecenziitaj ĵurnaloj kaj libroj estas riceveblaj ĉe la:**

**UNIVERSALA ESPERANTA LIBREJO.**
*10, rue de la Bourse, Genève*
*Svisujo.*

# AVIZO

De la venonta No ni komencos la publikigon de tre interesa laboro de S-ro *Paul Otlet*, ĝenerala sekretario de la Oficejo de la Internaciaj Institucioj en Bruselo, pri la *Internacia Organizo kaj la Internaciaj Asocioj*, kiu bonvolis permesi ĝian tradukon. Ni ne dubas, ke tiu verko, speciale grava pro la baldaŭ okazonta kongreso de la Internaciaj Institucioj en Bruselo, pri kiu ni reparolos, vekos intereson al internaciismaj demandoj ĉe nia legantaro.

(Red.)

## Petoj kaj Proponoj

FRANCAJ GEJUNULOJ deziras korespondi kun alilanduloj precipe anglaj.

Francaj instruistoj deziras korespondadi kun fremdaj instruistoj. Skribu al S-ro Jose Mariette, Delegito de U. E. A. Cléguer, Morbihan, France.

OFERADO AL ESPERANTIANOJ. — S-ro D. M. Kaničar, Del. U. E. A., en *Osijeck*, Strossmayera 71. Kroatujo proponas senpagan loĝejon kun matenmanĝo al kiu ajn landa Esperantiano travojaĝonta Osijekon.

KATALOGOJ. — Mi deziras ke ĉiuj Esperantaj firmoj sendu al mi siajn katalogojn, ĉar mi fondis Esp.-Oficejon kaj devas aĉeti ĉiuspecajn Esperantaĵojn por tiu entrepreno. Specimenaj ekzempleroj de esperantaĵoj estas bonvenaj; sendu la prezon por ĉiu 12.

Adresu : Elmer Nicholas, Del. U. E. A. Esperanto-Oficejo. Miller, Missouri.

PREZAROJ. — Rotterdamsche Gereedschaphandel Nieuwe Markt. II, *Rotterdam*, Nederlando, societo por vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj k. t. p. Korespondado Esperante, france, angle, germane, holande.

KORESPONDADO. — Negermanaj gesamideanoj, kiuj volas korespondi kun niaj membroj bonvole skribu Pl. Al Esperanto-Sekcio en Liberstudentaro de Teknika Universitato, 5, Schillerstr., Berlin-Charlottenburg (Germanujo).

BIRDKULTURISTO deziras koresp. Ufa (Rusujo), Kazauskaja, 20, instruktoro, V. Fofonov.

LOTERIA KLUBO. — Oni intencas fondi : *Loteria Klubo tra la mondo Esperantista.* Oni ludos nur en ŝtataj kontantmona-loterioj per transdonitaj originalbiletoj — do senriske! Partoprenemuloj bonvolu sciigi siajn adresojn kaj la altecon de la ĉirkaŭe intencita monata kotizaĵo; regularo tiam estos fiksata.

F. Matthiass, Zürich (Svis.), Seefeldstr., 120.

KORESPONDADO. — Niaj geanoj dez. koresp. kun eksterl. gesamideanoj. La grupo garantias ke ili ĉiam respond. PK., L. Skribu al S-ro F. Mally, Gœrlitz, Germanujo.

POR FILATELISTOJ. — S-ro Albert Frank, fervojoficisto Plzen, Illavni nadrazi, deziras interŝangi poŝtmarkojn (escepte Eŭropajn).

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig Langestrasse, 27, German.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : S^ro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo).

PROPAGANDO ORTOLOGA. — Estingado de la paŭperismo (malriĉegeco) mentala kaj materiala per la rimedo de la *Universitato Ortologa* kaj *Sociokrataj Burĝoj*. Ĉiuj, kiuj aspiras al la solvo de la granda problemo de l'homaro, estas invitataj sin konigi. Turnu vin al Magnus Sœndahl, Rua do Hospicio 240 (1º andar), *Rio-de-Janeiro* (Brazilujo).

AŬTOMOBIL - KONDUKISTO, singardema, serĉas en Svisujo okupadon por la venonta somero. Sin turni al Ed. Goveres, rue Violet, 17, Paris.

FOTOGRAFANTO deziras interŝanĝi fotografaĵojn interesajn por la propagando de Esperanto, PK. de grupoj, k. t. p. Oni turnu sin al la adreso : C. D. Baxandall, F.B., E. A., 23, Portland St., Lancaster (Anglujo).

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago; belega vidaĵo; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F^no A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

RIPREZENTANTO de fabriko, tre konata ĉe la firmoj (artikloj por tajloroj) deziras alian riprezentadon, escepte por veluroj kaj silkaĵoj. Sin turni al S^ro Gillet, 4, rue des Petits-Champs, *Paris*.

POŜTKARTO-REVENDANTOJN serĉas Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

STUDENTO internacia organo de studentoj kun stenografia aldono AORO. Jara abono 1 Sm., specimeno por respondkupono. Redakcio kaj administracio : Praha. II 516. Ječnâ ul. 24.

ESPER-ISTA STUDENTO dez. koresp. per Pl. kun samideanoj en Holando, Sved., Dan., Rus., Ital., Hispan., Portugalujo. Akurate respondos. Queen's R^d Evĝ. Centre (L. C. C.), Dalston, London. N. E. (Anglujo).

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Ferrace, Leds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

## Komercaj reklamoj

**Komercajoj.** — S^ro A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Silkaj esperantajoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.




*La Administranto (Gérant) : DUVAL*
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)




## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 15 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,60 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Kolekto po $ 0.25.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio*. Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

D^ro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, Vallescura, 11, *Bologna* (Itala).
S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Per-sonoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.